XVª jaro. Nº 227 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0. 50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0. 40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 0. 50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10% : 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## *Al niaj legantoj*

*Kiel kutime „ESPERANTO“ ne aperos dum la monato aŭgusto. La proksima numero estos publikigata en la formo de duobla kajero komence de septembro.*

NUNTEMPAĴOJ

## VOJAĜO AL LA NUNA RUSIO

Amiko de nia movado, S-ro P. Birjukov, parenco kaj biografo de Leo Tolstoj, bonvolis sendi al ni pri sia lasta vojaĝo al Rusio la jenajn mallongajn notojn, kiuj kelke kontrastas kun la informoj kutime aperantaj en la okcidentaj gazetoj. Ni publikigas ilin dokumente, opiniante, ke ili interesos niajn legantojn, kaj ne prenante respondecon pri la enhavo.

Kvar jaroj de la militego forbaris al mi mian naskolandon. Mi ne ĉesis ami ĝin; ĝia sorto zorgigis min, tragediaj kaj solenaj okazintaĵoj, kies scenejo ĝi estis, altiris miajn esperojn al ĝi, elvokante en mi ardan deziron partopreni je la renoviĝo de la lando. Post vanaj klopodoj por havigi al mi permeson transpasi la landlimojn de la militantaj ŝtatoj, mi petis permeson veturi en la vagonaro, rehejmigonta Rusojn, restintajn en Svisio. La komisiono de la Rusa Ruĝa Kruco proponis al mi la rolon de vagonarestro. Mi akceptis tiun ĉi taskon kun danko kaj kun la konscio de la prirespondeco.

Ni faris vojaĝon malrapidan kaj penplenan, kun ĉiuspecaj surprizaĵoj, kaŭzitaj de la revolucio en Germanio kaj la rompo de ĝiaj diplomataj rilatoj kun Rusio. Fine, Germana vagonaro, konsistanta el nehejtitaj komercajvagonoj, veturigis nin ĝis la landlimo de la sovjeta Rusio kaj forlasis nin sub nura ĉiela ŝirmo kun malsanuloj, infanoj, virinoj kaj multege da pakaĵoj.

Mi estis devigata tramarŝi dudekon da kilometroj por atingi stacion de Rusa fervojo, kie mi povus havigi vagonaron por miaj kunvojaĝantoj restintaj sur senkovra landlima kampo. Do mi eniris la novan Rusion piede, dumnokte, en nekonata regiono. Mi devas konfesi, ke mi marŝadis kun sento de plena konfido, kaj ĝi ne trompis min.

Trairinte kelkajn kilometrojn, mi renkontis antaŭpostenon de la ruĝa armeo. Ĝi estis du junuloj, vestitaj grizpalte, kun felĉapoj surkape kaj pafiloj ĉedorse, kun vizaĝoj senbarbaj, junulenaj, simpatiaj. Ili haltigis min, kriinte: „Kiu venas?“ — Mi montris mian mandaton de vagonarestro, kaj ili lasis min pasi libere. Mi daŭrigis marŝi en dezerto, renkontante preskaŭ nenian domon kaj irante laŭ la relvojo. Kune kun mi marŝis grupoj de Rusaj militkaptitoj, liberigitaj de la Aŭstria estraro. Ĝi estis la avangardoj de la homtorentego, alveninta kelkajn tagojn post tiu ĉi nokto.

* *

Mi eniris Rusion kun sento sufiĉe konfuza, timplena. Mi estis leginta tiom da neĝustajoj, intencaj aŭ ne, pri la nuna stato de Rusio! Tia legitaĵo tre malhelpis havi ĝustan ideon pri tio, kio okazas en Rusio. Mi sciis tamen, ke intensa vivo sentiĝas pli kaj pli en la lando, ruiniĝita de la cara reĝimo, de la milito, de la revolucio, kaj spite ĉion, vivanta, plena de krefortoj.

Leganate tiom da teruraj informoj, mi suspektis grandan troigon kaj eĉ mensogemon. Estis malfacile kontroli la komunikojn. Sed la Tolstoja movado estis sfero de la Rusa vivo, bone konata de mi. Kaj jen ĉiuj jurnaloj publikigis novajon pri la rabdetruo de Jasnaja Poljana, familia bieno de L. Tolstoj. Ĝi estis impresa novajo, pruvanta kompletan senmoraliĝon de la Rusa popolo kaj ĝiaj gvidantoj; la prikomentarioj ne mankis. Post kelkaj semajnoj mi ricevis Rusan gazeton, kie iama sekretario de L. Tolstoj plene malkonfirmis tiun ĉi novajon, dirante, ke li vizitis la bienon de L. Tolstoj kaj propraokule konvinkiĝis pri la falseco de la informo. Mi publikigis tiun ĉi refuton en unu el la ĉiutagaj gazetoj de romanda Svisio; kelkajn semajnojn post tio, alia gazeto ree publikigis la novajon pri la disrabo de Jasnaja Poljana

kun ankoraŭ pli sensacia aldono pri tio, ke la tombo mem de Tolstoj estis detruita, lia korpo elprenita, forrabita, k. c. Mi ne povis kontroli tiun ĉi lastan novajon, sed mi neniel kredis je ĝi. Mi havis ankoraŭ kelkajn dokumentojn, montrantajn ĝis kia grado mankas la veremo en la rakontoj de gazetoj.

Plie, mi konatiĝis kun multaj dekretoj de la nova registaro. Tiuj ĉi dekretoj ŝajnis al mi verkitaj laŭ spirito logika kaj humane demokrata — sendube, por la profito de la laboristaro. Mi vidis difinitan planon, kiun oni intencis plenumi por la komuna bono. Oni povis diskuti pri ĝi, opozi al ĝi, sed oni ne rajtis nomi ĝin raba. Ĉio ĉi stimulis min vojaĝi Rusion, por vidi, ĉu mi povus kunlabori je la konstruado de nova vivo en tiu ĉi lando.

* * *

Mi eniris Rusion je tre malfacila momento: centmiloj da Rusaj militkaptitoj subite plenigis la apudliman regionon. Kontraktinte la militĉeson, la Aŭstria estraro malŝlosis la pordegojn de la militkaptitejoj kaj liberigis la Rusajn kaptitojn tutare. Superplenaj vagonaroj venigis ilin al la Rusa landlimo po multaj miloj per unu fojo, kaj foriris, por tuj venigi ankoraŭ multajn milojn. Tiu ĉi arego da homoj, suferantaj pro malsato kaj nesufiĉa vestajo, kun menso preskaŭ freneza pro longa kaptiteco kaj hejmveo, forgesis ĉiujn malfeliĉojn pro la granda ĝojo revidi siajn familiojn.

Nia tendaro troviĝis ĉe la vojo mem, sur kiu pasadis tiu ĉi homtorento. Ĝi estis katastrofo, naskita de la milito. Sur la bolŝevistan registaron falis la tasko plibonigi tiun ĉi situacion. Mi povis konstati, kiom da energio, intelekto kaj bonvolo ĝi uzis por mildigi la terurajojn de tiu ĉi katastrofo, pri kiu ĝi ne estis kulpa.

La kaptitoj, eliĝintaj el la Germanaj vagonaroj, marŝis laŭ la relvojo ĝis la unua Rusa stacio. Se ili ne renkontis tie vagonaron, ili marŝis pluen, sed la malsanuloj, la malfortuloj, ofte la freneziĝintoj, falis sur la vojon aŭ restis kuŝante en la stacioj.

La oficistaro fervoja kaj higiena same kiel la nutraĵliverantoj, alsendataj taĉmento post taĉmento, estis metitaj je la dispono de la rehejmiga komisiono. Vagonaroj formiĝis plej rapide, por esti direktotaj al la Germana landlimo. La kaptitoj atake okupis, plenegigis ilin, sin tenis alkroĉiĝe sur la vagonŝtupoj, grimpis sur la tegmentojn kaj eĉ sur la lokomotivon. Estis preskaŭ neeble havigi lokojn por niaj malsanuloj, virinoj, infanoj, pakaĵoj. Fine, post tri tagoj de atendado, oni donis al ni kelkajn malplenajn vagonojn, gardatajn de la milicio, kaj ni povis nin instali en ili. Tiuj ĉi vagonoj estis alkroĉitaj al vagonaro kun militkaptitoj, kaj tiamaniere ni venis Moskvon.

Dum la tuta veturado mi povis konstati intensan agemon de la fervoja oficistaro. La aregoj da militkaptitoj en ĉiuj grandaj stacioj havis servojn de sanigistaro kaj nutrinstalajojn, direktatajn de flegistinoj. La fatala militheredajo estis likvidita ne senviktime, sed kiel eble plej bone, kaj neniu kuraĝos kulpigi je malzorgemo la homojn, kiuj estis devigataj sin okupi pri tio pro la fatalaj cirkonstancoj.

* * *

Ni alveturis Moskvon. La urbego aspektas preskaŭ same kiel mi ĝin estis forlasinta printempe de la jaro 1914 antaŭ la milito. Grandaj homamasoj cirkulis tra la stratoj. Plenegaj tramoj veturis kun deca rapideco. Estis vintro, fine de novembro. Mi luis fiakron por instaliĝi ĉe miaj amikoj. Je mia miro, mi devis ĝin pagi 80 rublojn anstataŭ unu la prezo antaŭmilita. Tio donis al mi ideon pri la vivkareco en Moskvo. Tamen ne ĉiuj prezoj altiĝis samproporcie. La nutroproduktoj, piedvestoj, tolajo kaj ĉiu alia objekto nepre necesa havas du prezojn. Kun kartoj oni aĉetas la plejnecesajojn por modera prezo; sen kartoj la samspecaj objektoj havas prezojn iafoje dek- aŭ dudekfoje pli altajn ol tiuj, kiujn la ŝtato fiksis por la kartoprenintoj. Aliparte, oni devas konsideri pri la malplivaloriĝo de la mono, de la bankbiletoj kaj la proporcia plialtigo de la salajroj.

Ekzistas multe da restoracioj, kie oni povas konvene tagmanĝi. La prezoj varias; ili eĉ aliiĝis dum mia trimonata restado en Moskvo. Komence, mi povis tagmanĝi en la restoracioj por 7—8 rubloj. Kelkajn tagojn antaŭ mia forveturo, mi devis pagi por la sama nutrajo 12—17 rublojn.

La ĉefurbo suferas multe pro la manko da nutroproduktoj. Sed la kamparo estas provizita sufiĉe je ĉio necesa. Iafoje sentiĝas ankaŭ tie la manko de salo, ĝenerale de produktoj, kiujn oni bezonas venigi el malproksime.

Granda malbono estas obstrukcoj de transportado: manko je hejtajo kaj neeblo ripari la uzdifektitajn maŝinojn, kies nombro ne ĉesas malpliiĝi. La kaŭzo de tiaj vivembarasoj estas la blokado.

* * *

Min interesis precipe la spirita vivo de la nuna Rusio, la publika instruado, la arto, la sociaj movadoj. Ĉio ĉi evoluas tre progreseme, vidigante grandan energion en la popolo, energion, kiu elmontriĝas tra multopaj baroj per novaj formoj, ĉar oni estas sin regeneranta kaj liberiganta de la iama jugo. Tuta serio da reformoj estas enkondukita en la ekonomian, spiritan kaj intelektan vivon de la lando:

La ŝtato estas apartigita de ĉiuspecaj Eklezioj, la instruado de kia ajn aparta religio estas malpermesata en la ŝtataj lernejoj. La nova registaro akceptis la gregorian kalendaron. La ortografio de la Rusa lingvo estas simpligita. En la lernejojn oni enkondukis la manlaboron kaj lernantaran aŭtonomion. La instruado estas senpaga; en la unuagradaj lernejoj la geknaboj ricevas senkostan tagmanĝon. La artinstruado estas treege disvolviĝinta, precipe koncerne la aplikitan arton. La novaj tendencoj estas tolerataj kaj eĉ favorataj en la pura arto. De tempo al tempo okazas senpagaj ekspozicioj.

La multnombrajn teatrojn la publiko plenigas ĉiutage. Plie, serioj da popolaj koncertoj, kursoj, pagataj aŭ ne, vesperoj literaturaj, muzikaj kaj dancaj estas je la dispono de la publiko, sciavida kaj ĝojanta povi emociiĝi, senti kaj pensi libere.

La magazenoj estas ŝtatigitaj, kaj iaj kategorioj de ili jam funkcias laŭ la novaj kondiĉoj. Ĝenerale, restas la samaj oficistoj; la mastro, se li ne estas malamika al la reformoj, fariĝas administranto kaj ricevas sufiĉan salajron.

La lukso plene forestas. La strata homamaso ŝajnas io unuspeca, la plimulto grizvestita.

La fabrikoj laboras, se la kruda materialo kaj hejtajo ne mankas. Da kotono kaj da fero oni ne havas sufiĉan kvanton. La laboro estas farata sub la kontrolo de laboristaj komitatoj, kaj tre ofte la burĝa mastro, direktoro, inĝeniero, konservas sian situacion.

* * *

La socia vivo transformiĝas pli kaj pli en diversajn asociojn kun tendenco kolektivisma aŭ komunisma. La lasta estas tre favorata de la ŝtato. La domoj estas ŝtatigitaj. Ilin administras komitatoj, elektitaj de ĝenerala kunveno de la luantaro. Ĉiu komitato havas prezidanton kaj sekretarion. La komitata oficejo zorgas pri ĉiuj rilatoj inter la civitanojluantoj kaj la kvartala komisarejo. La domkomitato estas komisiata por distribui la nutrokartojn. Per la sama organo la estraro sciigas siajn dekretojn, ekzemple koncerne la publikajn laborojn. Tiu ĉi organizo faris nur bonon. Ĝi kutimigis la loĝantaron praktiki la solidarecon kaj interhelpon, ĝi faciligis la luktadon kontraŭ ĉiuspecaj embarasoj.

Ekzistas komunumoj industriaj, terlaboraj, unuiĝoj profesiaj kaj aliaj grupiĝoj, faciligantaj la homan vivon. Apartiĝema vivo estas preskaŭ neeblajo en tiom malfacilaj cirkonstancoj. La individuoj foje sentas pene la trudpremon de la ŝtato. Iagrade ĝi estas kontraŭagata de la koopera movado kaj de la bonvola pacifista komunismo. La diritaj movadoj pli kaj pli kreskas.

La granda malbono de la socia kaj politika vivo estas la mobilizado, proklamita tra la tuta lando.

La mobilizado fariĝas trafe-maltrafe. Nek la registaro, nek la popolo volas la militon. Sed la atakado instigas ilin uzi la fatalajn mortigilojn, ĉar la registaro proklamas tion, kiel nepre necesan defendadon.

Kion diri pri aliaj malfeliĉoj, pliigantaj la suferojn de Rusio? La teroro? Mi alvenis dum la momento, kiam ĝi ne estis plu multe aplikata: nur de tempo al tempo la publiko povis ekscii pri kelkaj izolaj kazoj.

La ruĝa teroro estis kruela, sed ne pli ol la blanka. La triumfanta kontraŭrevolucio senindulge repagis per neimageblaj kruelaĵoj. Ĉiu armita registaro, enkondukante novan reĝimon, uzas teroron kaj allasas la liberalajn reformojn nur post kiam la popolo estas timkonkerita.

Februara artikolo de la registara organo proklamis, ke la Rusa revolucio eniris en la duan periodon de sia disvolviĝo. La terorperiodo, necesa por montri la potencon de la nova armita registaro, cedis la lokon al zorgado pri la ordo, organizo kaj krelaboro.

Povu tiuj ĉi promesoj esti realigataj por la plej granda bono de la homaro!

Mi devas konstati krome, ke multaj grupoj de ĉiuklasaj Rusaj civitanoj, neniel malamikaj al la nova reĝimo, kuraĝe protestis kontraŭ la teroro per ĉiuj rimedoj je sia dispono.

Alia granda malbono atentinda estas la malsanoj. La manko de sapo, tolajo, brulmaterialo por hejti la banejojn, rezultigas la malpurecon, svarmon de parazitaj insektoj, epidemiojn de tifo kaj aliaj infektmalsanoj. Tio multe zorgigas la kuracistaron kaj ĉiujn civitanojn.

Spite tiajn vivkondiĉojn, la Rusa vivo persistas je sia krelaboro. Refaro de tiom granda socia organismo postulas tro da fortoj. La grandioza tasko altiras ĉiujn homojn, interesiĝantajn pri la sorto de la granda popolo, kies evoluo estas forte influonta la tutan homaron.

* * *

Meze de februaro mi forlasis Rusion. Dum mia tiea restado mi riskis sufiĉe da danĝeroj pro la maltrankvila situacio. Trapasinte la Finnlandan landlimon, mi eksentis min en lando ne atakata, sed malgajego kaptis mian animon.

Ĉu vi konas la sentojn, kiujn oni spertas pengrimpante sur rokoplena montopinto? Oni skrapvundas siajn manojn kaj piedojn, oni laciĝas, riskas fali en abismon, sed kiam oni haltas kaj spiras plenpulme vivigan aeron, kiam oni admiras la forajn horizontojn, oni forgesas la penojn de la surgrimpado, kaj oni sentas sin feliĉa.

Sekvas la malsuprenveno al la ebeno. La vojo estas sendanĝera kaj facila, la vojetoj bone videblaj, meze de la verdantaj herbejoj kun kabanoj kaj brutoj. Ĉio certigas al ni prosperon kaj trankvilon, sed nia humoro estas malgaja, ĉar ni ne plu ĝuas la ĉarmon de risko, danĝeroj, emocioj.

Ion similan mi sentis, trapasante la landlimon de la mondo, sin nomanta civilizita. Post ĉio spertita, mi sentas min dankema partopreni je tiu ĉi giganta laborado, humile esperante povi kunhelpi per miaj etaj fortoj la novan vivfazon de la granda Rusa popolo, suferanta pacience kaj digne pro siaj idealaj aspiroj.

*P. Birjukov.*

---

#  SOCIA VIVO 

## Ĝardenurboj

La en 1899 aperinta, jam ofte reeldonita libro „Garden-cities of to-morrow" (Morgaŭaj ĝardenurboj) de la Angla socia reformulo Ebenezer Howard estis la ĝermo de movado, kiu ŝajnas fariĝi la plej sukcesa rimedo en la batalo kontraŭ la plej malbonaj sekvoj de la moderna industrio: terspekulado, profitego ĉe domvendoj, mizero de la popolaj loĝejoj. Tiu ĉi moderna ideo, kiu disvastiĝis rapide, ĉefe en Germanio kaj Anglio, kaj jam antaŭ la milito ekinfluis la urban politikon de tuta Eŭropo, estas unu el la plej praktikaj, plej gravaj, plej valoraj kaj pro tio plej atentindaj reformaj aspiroj de la dudeka jarcento.

Ĝi celas laŭplane starigi mezgrandajn domojn sur malmultekosta grundo, kiu, gardata kontraŭ la spekulado, daŭre restu la ĉefproprajo de la komunumo, kaj sur kies plej granda parto nenio estu konstruata. Ĉiu domo devas havi ĝardenon, la stratoj devas esti larĝaj kaj vastaj, verdaj ĉirkaŭzonoj devas esti farataj, tiel ke estu evitata la tro densa loĝado kutima en la grandaj urboj.

La kreo de ĝardenurboj, laŭ Howard, celas unuavice la tiel nomitan malcentralizon de la industrio, translokante ĝin en la kamparon, kie estas pli malaltaj teraj prezoj, pli multe da spaco kaj pli saniga aero. La ĝardenurboj devas akcepti, krom loĝantoj, kamplaboristoj kaj komercistoj, certan nombron de fabrikejoj kun iliaj laboristoj kaj oficistoj, kreante al ili favorajn loĝajn kondiĉojn.

La ĉefproponojn de la aŭtoro de la ideo pri ĝardenurboj oni povas resumi jene: En la mezo de areo de almenaŭ 1500 kaj plej multe 2400 hektaroj devas esti konstruata maldense loĝata urbo, kies loĝantaro devus esti limigata je 30,000 — 50,000 kapoj, por eviti la grandurbajn malbonojn. La urbon devas ĉirkaŭi kamparo, zono servanta por la konstruo de legom- kaj fruktoĝardenoj, bienetoj kaj birdarejoj. La sekcioj, en kiuj estas dividata la urbo, havas elirejon al granda centra parko, kiu tiamaniere estas facile atingebla de ĉiuj urbopartoj. En tiuj ĉi ringmaniere konstruitaj stratoj malfermiĝas bazaroj, magazenoj, lueblaj loĝejoj, fabrikejoj, k. t. p. Ankaŭ ne devas manki ringtramo por facilaj kaj rapidaj interkomunikoj. Krom tio la tuta komunumo devas diferenciĝi de la plej multaj ĝisnunaj urboj per harmonia, plaĉa aspekto; ĝi devas stariĝi laŭ raciaj, unuecaj planoj. Oni ne konstruu domon post domo, ne uzu ĉiun liberan lokon por konstruo. Kontraŭe, ĉiu loĝata sekcio ricevu kamparan ĉirkaŭaĵon. La domoj devas esti higienaj, helaj, aeraj, vastaj kaj artaj. La gajno de la tera rento devas esti uzebla por la konservo kaj pligrandigo de la komunumo. Laŭeble la partopreno de la tuta laboristaro de ĉiuj industrioj kaj komercoj je la gajno devus esti enkondukata, kiel ankaŭ la ebleco, ke la laboristoj kaj oficistoj deponu siajn ŝparojn en la afero.

Letchworth Garden City, la jam de longe mondfama, unua Angla ĝardenurbo festis en la lasta jaro la dekkvinjaran jubileon de sia ekkonstruo. Ĝi estis la rezultajo de la vigla intereso, kiun vekis la supre citita libro de Howard ĉe liaj samlandanoj. Jam en 1902 la klopodoj de tiu ĉi bonfaranto kondukis al la fondo de „Ĝardenurba societo", kiu aĉetis 1520 hektarojn, je 59 kilometroj malproksime de London, inter Hitschin kaj Cambridge. Letchworth, kiu estas konstruita imitinde, disvolviĝas rapide; ĝi jam havas 12,000 loĝantojn, 36 fabrikejojn kaj 110 societojn. Krom tio jam

stariĝis en Anglio granda nombro de ĝardenvilaĝoj kaj ĝarden-antaŭurboj (plejparte tute proksime de grandaj industriaj centroj). La samo okazis ankaŭ en Germanio, kie sekve de grava agado de la en 1902 fondita „Germana ĝardenurba societo“ ekzistas jam pli ol dekduo da ĝardenvilaĝoj kaj ĝarden-antaŭurboj kaj eĉ ankaŭ jam modela ĝardenurbo laŭ Howard kaj laŭ la modelo de Letchworth: Hellerau apud Dresden, kiu kreskas eksterordinare rapide kaj bonege prosperas.

Nur en 1909 oni ekkonstruis Hellerau sur areo de nur 140 hektaroj, tamen je la fino de 1917 ekzistis jam pli ol 400 domoj kaj apartaj dometoj kun luvaloro de 200—1300 Markoj — inkluzive ĝardeno — kaj aro da industriejoj. Ĝis nun estas metitaj en la konstruaĵoj ĉ. 9 milionoj da Markoj, kaj la nombro de la loĝantoj altiĝis jam al 3900. La tero ĉi tie ĉesis esti komercaĵo; ĝi ne povas aparteni al unu posedanto, sed restas propraĵo de la komunumo. La interezo estas limigita al 4 %; ĉiu ebla plio devas esti uzata por kulturaj kaj publikaj celoj. La lukontrakto estas sur la bazo de la hereda luo, tio estas, la loĝanto povas trakti domon kaj ĝardenon kiel propran posedaĵon, ankaŭ heredigi ĝin, sed vendi nur al la societo. La konstruaĵoj estas severorde higienaj kaj artaj. La mortokvanto estas nur 6 ‰ (Dresden preskaŭ 14 ‰), la mortokvanto de la mamsuĉuloj nur 60 ‰ (Dresden, nur 25 minutojn pli malproksime, 148 ‰).

Tre fervore laboras la citita Germana ĝardenurba societo, kies jarkunvenoj fariĝis preskaŭ kongresoj, kaj kies multaj lakaj ekspozicioj estas rimarkindaj same kiel la bonega monata jurnalo „La Ĝardenurbo“. Ĝia konsilejo por urbaj administroj laboras bonege. Tiu ĉi asocio povus atingi ankoraŭ pli grandajn sukcesojn, se pro la milito ĝi ne havus tro malmulte da monrimedoj.

Ankaŭ en Francio, Svedio, Hispanio, Nord-Ameriko kaj Aŭstralio ekzistas depost la lastaj jaroj ĝardenurbaj societoj, kaj iliaj ŝancoj estas tiel promesriĉaj, ke en 1913 okazis ilia kuniĝo al mondligo, kiu jam en 1914 havis en Londono sian unuan kongreson.

La oficiala loĝantara statistiko de Letchworth kaj Hellerau donas trafajn argumentojn pri la higienaj avantaĝoj de la loĝado en ĝardenurboj. La ĝenerala mortokvanto en 1912 estis en Letchworth nur 4 ‰, en Hellerau nur 6 ‰ kontraŭ 13½ ĝis 15 ‰ en la tri Saksaj ĉefurboj; la mortokvanto de la mamsuĉuloj en 1911 en Hellerau 60, en Letchworth eĉ nur 54 ‰ kontraŭ la Germana meznombro 175 ‰ kaj Angla 140 ‰. Ankoraŭ plimalgrandiĝos la mortokvanto en la nunaj kaj estontaj ĝardenurboj, se ili, kiel Letchworth, permesos nur senalkoholajn restoraciojn, tamen ne malpermesante al la loĝantaro la alkoholon. La limigo de la publikaj trinkejoj sufiĉas tiom pli, ke la tuta atmosfero de la ĝardenurboj inklinigas al la malpligrandiĝo de la alkoholkonsumo.

Mi finas kun kelkaj citaĵoj el la programo de la Germana ĝardenurba societo: „Al ĉiu familio unu domon kun ĝardeno kiel daŭra hereda posedaĵo sur tero, gardata per la ĉefposedo de la societo kontraŭ spekulo, misuzo kaj malbeligo de la ĉirkaŭaĵo. Uzo de la plivaloriĝo kreita per la loĝantaro por komunumaj kulturaj kaj sociaj celoj. Reformo de la loĝejoj per organizita translokado de la industrio en la kamparon, kie estas ebla higiena-estetika konstruaĵo konforma al la bezonoj de la industrio, kaj kie povas esti donataj al la terkulturistaro krom proksimaj vendejoj malmultekosta mekanika forto kaj bonaj trafikokondiĉoj.

*L. K.*

Trad.: *M. H. Kr-ova.*

# Mano en mano

Oni ne povas sufiĉe ofte kaj insiste diri, ke ekzistas kontraŭecoj nur inter kapitalo kaj laboro, sed ne inter entreprenistoj kaj laboristoj. La interesoj de la labordonantoj kaj de la laborprenantoj estas nepre identaj. Ne estas diferenco inter tio, kio taŭgas por la prizorgantoj kaj tio, kio taŭgas por la prizorgatoj. „Se la du partioj vere deziras atingi sian celon, kiom eble plej multe gajni, ili devas kunlabori.“ Ĉi tiu klasika diro de la eminenta amiko de la laboristaro, Budgett Meakin, estas unuaranga maksimo. Tial ambaŭ devus estigi unu familion.

Ĉion, kion entreprenisto faras por sia laboristaro ekster la nura laborpago, li faras por si mem. Se li intencas havi bonajn laboristojn kaj oficistojn, li devas ilin bone trakti kaj bone pagi. Zorgi pri indaj vivkondiĉoj kaj favoraj laborkondiĉoj de la subuloj estas ne nur ordono de justeco kaj devo kontraŭ proksimuloj kaj kunlaborantoj, ĝi estas ankaŭ praktiko profita al la bonfaranto mem; tio rezultas el la spertoj de *ĉiuj* entreprenistoj, kiuj agadis laŭ tiu ĉi maksimo. Nombraj gravaj industriistoj, entreprenistoj de konstruaĵoj k. a. energie deklaris, ke iliaj — ofte tre ampleksaj kaj multekostaj — aranĝoj por la bonstato de la laboristoj: la partopreno en la gajnoj, la starigo de rimedoj por mallaciĝo kaj distro, la okhora labortago k. t. p. vere ne altrudis al ili oferojn, sed ilin riĉe rekompencis. Jen nur kelkaj ekzemploj:

„La plej granda cedemo rilate al la labordemando estas ankaŭ la plej granda saĝo“, diras Henriko Freese. — „Mi sciis, ke la bona ago, kiun mi faras por miaj laboristinoj, estas samtempe bona afero por mia firmo“, diras J. Nayrolles; „mi ŝuldas nian tutan sukceson al la kunhelpo de niaj laboristinoj, ĉar ĝin estigis ilia partopreno en la profitoj.“ — „Proporcie al la disvolvo de niaj aranĝoj por la bonstato de la laboristoj pliiĝas niaj dividendoj“ (J. C. van Marken).

Jean Edmé Leclaire, la patro de la partoprena sistemo: „Mi neniam estus gajninta tiel grandan riĉaĵon, se la partopreno de mia laboristaro ne estus helpinta min“. — „La prosperon de mia entrepreno mi alskribas nur al la starigo de miaj bonefikaj aranĝoj. Ĉi tie ne temas pri filantropio kaj bonvolo, sed nur pri memintereso.“ (A. Lemaire.) — L. Gasté: „Ŝajnas kvazaŭ mi estus tre malavara; sed ne estas tiel, ĉar la trionon de la profito, kiun mi cedas al la laboristaro, ĉi tiu abunde al mi redonas. Ĝi kostas al mi neniom, kaj eĉ pligrandigas mian gajnon.“

Kiel la tempoj aliiĝas! Antaŭ nelonge oni ĝenerale opiniis, ke per plibonigo de la stato de la kunlaborantoj, do per altigitaj elspezoj, oni riskas fariĝi nekonkuropova. Tiu ĉi malnova, malsprita antaŭjuĝo estas nuntempe venkita, almenaŭ ĉe prudentaj t. e. pripensantaj entreprenistoj. Nerefutebla kontraŭe estas la fakto, ke la diritaj sumoj preskaŭ ĉiam estas la plej bona procenta pruntodonado. Se estas vere, ke la komercisto, kiu laŭeble volas sin antaŭgardi kontraŭ malgajnoj, devas bone uzi la cirkonstancojn, havigi al si la plej bonajn maŝinojn, ekzakte koni la vendejojn, resume devas fari la plej bonan uzon de sia monkapitalo, estas tiel same vere, ke la sama graveco apartenas al la singardema uzo de la homkapitalo. La ĝenerala sperto instruas, ke la prospero de la entreprenoj grandparte dependas de la rilatoj inter la labordonantoj kaj la laborprenantoj; alie dirite: la sekreto de la sukceso tre ofte troviĝas en tio, ke la entreprenisto sciis krei bonan interkonsenton kun sia laboristaro.

Koncerne la elekton de la rimedoj, per kiuj la laboristoj kaj oficistoj estas kontentigitaj kaj interesitaj en la prospero

de la firmo, la sama rimedo kompreneble ne konvenas por ĉiuj; en ĉiu speciala okazo oni devas konsideri la specialajn cirkonstancojn. La nombro de tiuj rimedoj estas tiom granda, ke estas facile fari elekton: komitatoj de laboristoj, tarifunuiĝoj, aĝprizorgo, provizo de higienaj loĝejoj kaj de malmultekostaj manĝoj, havigo de ĉiuspecaj distrajoj, premioj por ideoj kaj premioj por plibonigoj; enkonduko sur bazo praktika kaj malavara de la gravega partopreno en la profitoj; libertempo por mallacigo t. e. forpermeso kun daŭrigata pago, se eble en loĝejoj apud la maro, sur la montaro, k. t. p.; konsento de kompensajo por eksiĝo al senkulpe forpermesitaj laboristoj, laŭ modelo de la Abbescha Zeiss-fondo en Jena; bona instruo de la lernantoj, laŭ la ekzemplo de la firmoj A. Chaix en Parizo kaj N. O. Nelson & Co. en Leclaire; regulaj societemaj kaj instruaj kunvenoj de la oficistoj kaj laboristoj kune kun la entreprenistoj; laŭcela konstruo kaj aranĝo de la laborejoj; enoficigo de prizorgaj sekretarioj, starigo de laboristaj ĝardenurbetoj; enkonduko de la okhora labortago kaj de la Freesea „konstitucia fabriksistemo"; starigo de konvenaj lernejoj, ĉambregoj por kursoj, sociaj kluboj, legoĉambroj; fabrikĝardenoj, asekuroj por akuŝiĝintinoj, k. t. p. La Nov-Jorka „Asocio por sociala servo" rekomendas, krom la salajroj, precipe taŭge aranĝitajn laborejojn, plibeligon de la konstruajoj kaj dependajoj, prizorgon pri mallacigo, higieno kaj edukado; plie instruon kaj konsilojn pri akiro de propra hejmo, instruon ankaŭ pri mastrumado, starigon de ŝparkasoj kaj helpunuiĝoj. Kiel ni vidas, ekzistas multaj vojoj al la por ambaŭ partioj tiom utila industria paco.

Kiel efike tiaj aranĝoj plibonigas la laborkapablon de la laboristoj kaj sekve la fabrikadon, la praktiko pruvas per miloj da ekzemploj. Oni rimarku ekz. la brilajn sukcesojn de multaj firmoj, kiuj enkondukis la okhoran labortagon aŭ la partoprenon en la profitoj, aŭ eĉ ambaŭ. Speciale konvinkaj estas la spertoj de la Aŭstralia konstruisto de fervojoj kaj kanaloj C. J. Wentworth Cookson. Li skribas i. a.:

„Estas necese partoprenigi la salajrulojn en la gajno de la entreprenistoj, ne sur filantropa, sed sur komerca bazo. Saĝa partopreno estas rimedo por pli bona antaŭgardo de la interesoj de la industriistoj kaj ankaŭ de ilia laboristaro. Ĝi estas postulo de justeco kiel ankaŭ de klarvida profitemo . . . Oni devus alpreni la okhoran labortagon, ne nur pro homamo, sed ankaŭ tial, ke ĝi profitas al la komerco. Longa labortago malutilas ne nur al la sano kaj hejma vivo de la laboristo, sed ankaŭ en pli alta grado al la intereso de l' fabrikisto. Pro tio la okhora labortago estas eĉ pli favora al la fabrikisto ol al la laboristo. La plej malkara laborforto estas bone pagita okhora laboristo."

Ĉi tiu vere moderne pensanta entreprenisto jam provis altigi la tagsalajron de laborista grupo de 8 ĝis 9 ŝilingoj; la konsekvenco estis, ke ili tute libervole kaj bonvole ŝarĝis tage du kubajn jardojn da balasto pli ol antaŭe, kio kvarobligis la gajnon de l' entreprenisto! „La Angla masonisto laboras dek horojn, kaj ricevas nur 5 ŝ., sed lokas tage nur 300 brikojn, dum la Aŭstralia okhora laboristo ricevas 8 ŝ. sed lokas 1000 brikojn do en pli malmulte da tempo pli ol la trioblon." La Reeves Engine Co. kaj la National Cash Register Co. tiel same insiste kiel Dognin & Co. kaj multaj aliaj entreprenistoj asertis, ke pro iliaj tre favoraj laborkondiĉoj kaj sanigaj aranĝoj, ili havas pli bonajn laboristojn, kiuj pli multe kaj pli bone laboras; „forta laboristo povas plenumi pli multe, konscienca pli konscience, inteligenta pli inteligente".

Mi nun kredas esti pruvinta, ke bonaj interrilatoj bazitaj sur komunaj interesoj inter labordonantoj kaj laborprenantoj estas profitaj al la du partioj, kaj sekve alcelindaj, ke zorgo pri bonstato de la laboristoj estas postulata tiel de la prudento kiel de la justeco kaj humaneco. Kaj ĉar la plenumo de tia postulo, kiel ni vidis, neniom kostas, la homa komuna saĝo ordonas, ke ĝi estu plej eble ĝenerale realigata. Oni do rememoru la averton de Ernst Abbes: „Ne laboristo kontraŭ entreprenisto, sed progresintaj laboristoj kaj progresintaj entreprenistoj kune kontraŭ malprogresintaj laboristoj kaj entreprenistoj!"

*Leopold Katscher.*

Trad.: *A. C.*

---

# Pri Louis Pasteur

II

Li ankaŭ observis, ke la viruson oni povas malplifortigi ankaŭ per aliaj fizikaj aŭ ĥemiaj faktoroj kiel per sekigado, per alkondukado de oksigeno k. t. p. Tiam Pasteur havis la genian penson apliki la supran principon, t. e. inokulado per malplifortigita viruso, ankaŭ ĉe aliaj infektmalsanoj kaj ĉe la homoj nome kontraŭ la rabio. La unuaj esploroj pri malkovro de rabia infektmikrobo bedaŭrinde ne estis sukcesintaj, kaj la mikrobo ĝis nun restis nekonata. Sed Pasteur, ne senkuraĝigita de malsukceso, plenenergie celadis al eltrovo de profilaksa kuracmetodo. La infektiĝo de l' homo okazas kutime per mordo de rabiaj hundoj, katoj, lupoj k. t. p., kiuj enhavas la viruson en sia salivo. Pasteur havis la ideon, ke la infektiĝo de homo kaj de besto mordita ne iras per la vojo de l' sango, sed pere de la difektita nervo, en kiun la viruso penetris kun la salivo de la mordinta besto. Sidejo de la viruso ĉe la rabiuloj estas do la nerva sistemo kaj prefere la cerbo kaj la vertebrara medolo. Li ankaŭ pruvis, ke por malplifortigi la viruson oni devas ĝin sekigi. Li do agis tiamaniere, ke li elprenis de la bestoj mortaj pro rabio la cerbon kaj medolon, sekigis ilin kaj ricevis tiamaniere malfortigitan viruson. Por certiĝi, ke tiu ĉi viruso fariĝis vere malfortigita kaj ke oni povas per inokulado de malfortigita infektajo rezistigi organismon kontraŭ la rabio, li komencis eksperimentojn ĉe la bestoj, al kiuj li injektis komence tre sekigitan cerb- kaj medolsubstancon, enhavantan tre malfortigitan viruson kaj poste laŭgrade ĉiam pli fortan venenon. Fine la infektitaj bestoj tute bone toleris eĉ la plej fortan inokuladon, kaj tiamaniere ili estis savitaj kontraŭ la rabia malsano, kaj ricevis rezistecon. Sur tiu vojo de peniga laboro kaj per multaj eksperimentoj Pasteur ellaboris la unuan trafan kuracmetodon kontraŭ rabio, kiun li poste enkondukis ĉe la homoj. En 1885 turnis sin al Pasteur la naŭjara knabo Joseph Meister kun multaj kaj profundaj vundoj kaŭzitaj de mordado de rabia hundo. Ĉe li Pasteur aplikis unuafoje sian metodon de kontraŭrabia metodo kun brila efiko. La impreso, kiun tiu ĉi sukcesa kazo elvokis ĉe la publiko, estis grandega. De tiu momento komencis ĉiam pli granda alfluado de la mordituloj el ĉiuj mondpartoj. La tiama laboratorio de Pasteur estis ne ampleksa, kaj la alfluanta ondego de malsanuloj ĉiam pligrandiĝadis. Tio ĉi kaŭzis, ke la Franca Akademio de l' sciencoj iniciatis publikan internacian monkolektadon, kiu en mallonga tempo alportis grandegajn monsumojn. Tiamaniere naskiĝis la Pasteur-Instituto en Parizo, kiu kreita en 1889 ĉiam plivastiĝis kaj konsistas nun jam el multnombra komplekso de konstruajoj. Sed ĉar

ĝi ne sufiĉis por la tuta mondo oni komencis krei similajn Pasteur-institutojn en Francio kaj en aliaj landoj. Ĉe ni en Polio, laŭ iniciato de prof. Halubinski forvojaĝis nia samideano prof. Bujvid en 1886 Parizon, studadis tie ĉe Pasteur lian kontraŭrabian kuracmetodon, kaj fondis la unuan Polan Pasteur-instituton en Varsovio. La duan Pasteur-instituton fondis prof. Bujvid en Krakovo en 1892.

La kontraŭrabia metodo de Pasteur montriĝis tre bona. Antaŭ tiu ĉi metodo la mortokvanto de homoj morditaj de rabiaj bestoj estis kutime 10—12 %, kaj atingis eĉ 20 %, sed post la enkonduko de la kontraŭrabia inokulado la mortokvanto malpligrandiĝis ĝis 1—½ %.

La metodo de apliko de malfortigita veneno por ŝirmo kaj profilaksado de organismo kontraŭ malsanoj, science fondita de Pasteur, disvastiĝis en la medicino. Sur la sama principo baziĝas la aplikado de vakcinoj kontraŭ ventra tifo kaj kontraŭ ĥolero, kiuj estis aplikataj dum la mondmilito, kaj kaŭzis, ke la epidemioj, kiuj ĉiam akompanas grandajn militojn, estis dum la lasta terura milito multe pli mildaj dank' al la vakcinado.

La opinioj de Pasteur renkontis en Francio kaj eksterlande multajn kontraŭulojn. Li devis en la sciencaj societoj multe diskutadi kaj defendadi la verecon de siaj vidpunktoj. Inter aliaj dum longa tempo al liaj obstinaj kontraŭuloj apartenis la fama Berlina scienculo Robert Koch, kiu penis ridindigi la Pasteurajn konsiderojn pri virusoj malfortigitaj kaj pri vakcinado de virusoj. Sed Pasteur neniel malkuraĝiĝis. Entuziasmigita por la scienco kaj vero, sprita observanto, rigora kaj diligenta laboremulo, li citis kaj montris ĉiam pli novajn pruvojn kaj faris seriojn de nova eksperimentoj. Li estis unu el la plej geniaj kaj plej feliĉaj korifeoj de la scienco, kiu ankoraŭ dum sia vivo kaj meze de tutmonda aprobo triumfis kaj rikoltis la fruktojn de sia laborplena vivo. Dum sia tuta vivo li iradis kviete kaj persiste antaŭen kun penso direktita al la sunaj suproj kaj kun koro plenigita de amo por la homaro. Li mortis en la jaro 1895 en Villeneuve-l'Etang en Francio.

La ideoj kaj faktoj de li kreitaj estigis en la scienco veran revolucion. Ili tute ŝanĝigis la malnovajn ideojn pri malsanoj, pri ilia kuracado kaj profilaksado, ili kreis novajn higienajn ideojn kaj starigis la ĥirurgion kaj akuŝsciencon sur novan fundamenton; post ili potence evoluis la medicino en la lasta jarcento. Sammaniere kiel ni vidas la efikojn de sociaj revolucioj en diversaj landoj, ankaŭ la agado de tiu ĉi revoluciulo elvokis en la medicino grandan skuon kaj fundamentan transformiĝon, kiun oni sur ĉiu paŝo hodiaŭ observas. Sur la de li renovigita bazo oni komencis starigi la grandegan konstruajon de la moderna medicino.

Mi eksciis, ke antaŭ dekkelkaj jaroj granda gazeto Franca aranĝis publikan voĉdonadon pri tio: kiu estis la plej granda eminentulo de Francio. Louis Pasteur venkis kontraŭ la imperiestro Napoleono. Tiu ĉi aprobo de la meritoj de Pasteur atestas pri la alta kulturo de la Francoj, kiuj komprenis, ke la efikoj de grandaj kaj eminentaj agoj malaperas pli aŭ malpli frue, dum kontraŭe la grandaj sciencaj verkoj postlasas utilan kaj benplenan efikon por multaj generacioj kaj por multaj jarcentoj.

*D-ro Maksimiliano Blassberg* (Krakovo).

---

 LITERATURO 

# La lasta fabelo

*(Fragmento)*

Idilio de **Paul Keller**

Dediĉita al *D-ro Kabe*, la genia tradukinto de „Elektitaj Fabeloj" de Fratoj Grimm.

La nuna tempo estas serioza kaj kredeble ne tre favora por fantaziaj, fabelaj literaturaĵoj. Tamen, mi pensas, multaj alinacianoj ĝojos legi karakterizan parton el libro de la Germana verkisto Paul Keller, kiu kondukas nin for de la ekscitigaj travivaĵoj de universala maltrankvilo en la puran aeron de l' infaneco, en la pacan landon de l' fabeloj.

Kial mi dediĉas aparte ĉarman fragmenton el tiu idilio al *Kabe?* Li estas certe unu el tiuj, kiuj komprenas la poeton, li, kiu tiel mirinde bele tradukis la fabelojn de Fratoj Grimm. — Sed mi havas ankaŭ personan motivon. Estas Kabe, kiu min faris Esperantisto. Mi ne konas lin persone, sed ĉiun vorton, kiun li skribis Esperante, mi legis kaj inokulis al mi. Li instruis min ami la belecon de Esperanto. Kiom da fojoj mi legis kun ekstrema ĝuo „La Faraono", „Patroj kaj filoj", „La interrompita kanto", „Pola kaj Internacia Antologioj", k. t. p.! — Depost longa tempo lia nomo ne aperis plu en nia literaturo. Mi volus, ke li rekonu en mia tradukо sian „Neĝulino" kaj, ke ŝia saluto rekonduku lin en *nian* miraklejon, nian *Esperantujon*: kaj kun li ĉiujn, kiuj ankoraŭ kredas miraklon. Venu en la belan sanktejon de nia templo! Multaj, multaj mirakloj atendas vin! — *Zanoni.*

## La lasta el la sepo

Proksime al la alta muro de l' urbo estis eta domo. Ĝi brilis kiel arĝento, sed ĝi estis bronza. Bronzaj estis la muroj, bronzaj la ŝtupoj kaj plankoj, el rulpremita zinko la pinta tegmento.

Kun sento de pieco mi eniris ĉi tiun domon. Interne estis unu sola, vasta ĉambro. Sep litetoj staris laŭlonge la muroj; tablo estis kovrita per sep teleretoj, sep tranĉiletoj, sep pokaletoj, — en unu liteto kuŝis pigmeo, la lasta, kiu restis el la sepo.

La maljunulo kuŝis kun fermitaj okuloj. Mi haltis ĉe la pordo. Febra fluo trakuris miajn korpon kaj animon. Mi staris sur sankta teritorio. Unu el la plej dolĉaj mirakloj de mia infanaĝo viviĝis antaŭ miaj okuloj.

El angulo leviĝis viro. Tio estis la kuracisto. Senbrue li venis al mi renkonte, premis mian manon kaj kondukis min al unu el la sep seĝetoj. Li sidiĝis apud mi.[1]

Silente ni sidis. Ni estis solaj en la ĉambro krom la malsanulo. Sep etaj horloĝoj pendis sur la muro. Ses haltis, unu tiktakis per laca bato.

La malsanulo malfermis siajn okulojn. Dum momento ili restis vualitaj, poste ili klariĝis, kaj li rekonis nin. Lia velkinta mano leviĝis kaj faris al ni signon alproksimiĝi.

Profunde kliniĝinte al la maljunulo ni staris. Brilo pasis sur lia vizaĝo; la dolĉa rememoro, kiu beligis lian tutan vivon, venis al li ankaŭ dum la mortado:

„En mia liteto ŝi kuŝis, — ĝuste en mia liteto — la kara infano!"

Iom ripozinte li ripetis, dum liaj lipoj tremis pro eksciteco kaj feliĉo:

„En mia malgranda liteto!"

Li ĉesis paroli kaj rigardis nin kvazaŭ demandante, ĉu ni aŭdis kaj eble ion diros.

„En tiu ĉi liteto, en kiu vi nun estas kuŝanta?", mi demandis sole por diri ion.

„Ho ne! La liteto, en kiu dormis *neĝulino*, estas ja sankta liteto — jen ĝi estas."

Lia mano leviĝis montrante al unu el la litetoj, starantaj ĉe la muro. Kun nemezurebla amo la maljunaj okuloj fiksiĝis sur la sanktaĵo, ĝis lia rigardo malklariĝis kaj refalis lia kapo.

[1] La sceno ludas en la fabela lando; la homoj vizitantaj ĝin antaŭe alprenis pigmean staturon. La loĝantoj mem de la fabela lando atingis aĝon de jarmilionoj. — *Rim. de l' tradukinto.*

Ni restis ĉe la lito. Sammezure kiel lia spiro fariĝis pli laca kaj pli mallaŭta, tiel plilaciĝis la bato de la horloĝo, kiu funkciis sola inter siaj ripozantaj kunuloj.

Dolora trajto gravuriĝis ĉirkaŭ la lipoj de l' maljunulo, kaj denove li ekparolis:

„Neniam ŝi revenis plu!"

Silento. Ni vidis palecon leviĝanta en lia vizaĝo, kaj ni sciis: de milionjara vivo restas nur unu horo. Eble malpli ol unu horo!

Ĉio finiĝas.

Ĉiu ĝojo pri ekzistantaj aferoj estas iluzio.

Tial nia tuta grandeco estas vanta ŝajno, kiu hodiaŭ estas kaj morgaŭ forpasis.

Tial ĉiu, kiu altigas sian kapon kun fiero, estas kompatinda simplulo scianta kalkuli pli malbone ol lerneja bubo.

Unu horo ankoraŭ post jarmiliono! Sole tiu ĉi horo estas longa. La jarmiliono estas mallonga, ekrigardo trakuras ĝin kiel ridinde mallongan tempospacon, kiun kontrolas rememoro de sekundo . . .

Aŭskultu! . . . senbruaj, singardaj paŝoj proksimiĝas! Ili venas supren sur la bronzaj ŝtupoj.

La pordo malfermiĝas.

Eniras du knabinoj. La princidino kaj Angeliko. Senbrue la princidino iras laŭlonge la muro. La alia, homa knabino, haltas. Haltas kun miro antaŭ tiu ĉi korpiĝinta miraklo. Antaŭ tiu ĉi plenumiĝinta kredo.

Nigraj haroj enkadrigas ŝian blankan frunton. Ŝiaj vangoj floras, ruĝaj pro eksciteco.

Ĉarma, infana diro venas en mian kapon:

Blanka kiel neĝo!
Ruĝa kiel sango!
Nigra kiel ebono!

„*Neĝulino!*"

Korpremanta, ekstaza krio de ĝojo! — La maljunulo rektiĝis en sia lito; siajn brakojn li etendas; liaj okuloj estas larĝe malfermitaj.

Li refalas. Stertorante, malfacile spirante! Liaj okuloj ruliĝas kaj erarvagas. Li estas leviĝonta, sed la surprizo rompis lian forton.

„*Neĝulino!*"

La kuracisto proksimiĝas al la knabino. Mallaŭte li diras al ŝi ion en la orelon. Ŝia saĝa koro rapide komprenas, komprenas sanktan servon.

Ŝi aliras la liton malrapide kun rideto:

„Mi venas al vi, vi kara, kara!"

Senmove li rigardas ŝin kaj same ridetas. Ridetas kvazaŭ supertere.

„Vi venis!" — li diras feliĉe.

Ŝi karesas liajn manojn kaj frunton.

Kaj denove ili rigardas unu la alian.

„Vi efektive revenis!"

Li kaptas ŝian manon kaj premas al sia velkinta bušo.

„Venu tute proksimen — tute proksimen, kara neĝulino!"

Ŝi klinas profunde al li sian belan kapon. Dum momento li metas siajn brakojn ĉirkaŭ ŝia kolo, poste liaj okuloj fermiĝas.

Preskaŭ ne senteble li spiras ankoraŭ. Ni ĉiuj staras senmovaj pro kortuŝeco.

Liaj fortoj revenas. Li malfermas siajn okulojn, kaj lia mieno esprimas zorgon.

„Vi venis de malproksime, neĝulino! Vi estas malsata! — Malsata kiel tiam — vi devas manĝi. De mia telereto! Kaj trinki el mia pokaleto! El mia! La ses ceteraj mortis, ĉiuj, ĉiuj mortis!"

Ŝi klinas la kapon kaj iras. En malgranda ŝranketo ŝi trovas ion por manĝi kaj trinki. Li rigardas al ŝi kun feliĉaj okuloj, dum ŝi mastrumas en lia hejmo; li diras al ŝi, kie estas lia telereto; li rigardas, dum ŝi manĝas panon kaj trinkas silente el lia pokaleto.

Fininte ŝi denove iras al li.

„Iru nun dormi, neĝulino", — li diras duonvoĉe — „iru dormi en mian liteton!"

Obee ŝi formetas la kovrilon de la eta, neĝblanka lito kaj kuŝiĝas.

Kun peno li sin apogas sur sia kubuto kaj vidas ŝin kuŝanta. Vidas ŝian delikatan, noblan kapon, la nigrajn buklojn sur la blanka lito, vidas ree korpiĝinta la dolĉan bildon, kiu dum lia tuta vivo estis la brilo de liaj songoj, la stelo de lia sopiro.

Vidas! Rigardas!

Ĝoja krio ŝiriĝas el lia brusto.

Li refalas senviva.

Trad.: *Zanoni.*

---

# Poeziaj konsideroj

de **V. N. Devjatnin**

Eltirajo el la lastatempe aperintaj „Unuaj Esperantaj Satiroj" de nia malnova samideano-poeto Devjatnin, kiuj estas recenzitaj en ĉi tiu numero de „Esperanto".

*Mi iafoje konsideras*
*Pri pasintajo poezia,*
*Komparas ĝin kun tempo nia*
*Kaj . . . kiel tiam mi suferas!*
— — — — — — — —
*Poet', kun liro, en laŭrkrono,*
*Rajdflugis iam sur Pegaso,*
*Kaj kun belega Apolono*
*Nektaron trinkis sur Parnaso*
*Kaj manĝis nur la ambrozion.*
*Kantante sian poezion*
*En rondo da diinoj belaj.*
*La moroj estis ne kruelaj*
*En tiu tempo kaj ne krudaj,*
*Kaj dioj ĉiam marŝis nudaj . . .*
*Sed nun ni senkompate ŝanĝis*
*Antikvajn morojn kaj alie*
*Komencis vivi, ni arangis*
*Aferojn niajn pli racie:*
*Ne uzas nun poetoj liron*
*Dum rakontad' de siaj temoj,*
*Sed oni ofte per poemoj*
*Envolvas en butikoj ciron.*
*Ne trinkas ili la nektaron,*
*Sed rumon aŭ likvoron ian;*
*Ne manĝas ambrozion dian,*
*Sed volas ostrojn aŭ omaron.*
*Nun, ne havante jam flugilojn,*
*Ne flugas supren la pegaso,*
*Sed servas por popolamaso*
*Trenante tramojn, veturilojn.*
*La laŭrojn metas ni en supon!*
*Belega dio Apolono*
*Ne marŝas nun sen pantalono,*
*La muzoj . . . ankaŭ vestis jupon!*
*Nun en la tuta granda mondo*
*Ne plu ekzistas jam poetoj,*
*Ĉar anstataŭis ilin rondo*
*Da pupoj aŭ marionetoj . . .*
*Jam ne alflugas la inspiro*
*Al la moderna Apolono:*
*Li, forgesinte pri la liro,*
*Amuzas sin per gramofono! . . .*
*Antikva fajro nun ne flamas*
*En malvarmega koro lia,*
*Kaj sian bruston li ornamas*
*Per la . . . ĉemiz' ceremonia! . . .*
*Ne miru do, ke mia muzo*
*Forkuris nur pro la konfuzo*
*El luksa rond' da redingotoj,*
*Da frakoj kaj lakitaj botoj,*
*Kaj ke nuntempe mia kanto*
*Sonadas nur pro Esperanto!*

---

# *Al niaj abonantoj*

*Abonejoj por la landoj, de kie internaciaj poŝtmandatoj nun ne estas sendeblaj:*

*Aŭstrio:* D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Bohemio:* „La Progreso", Podebradova tř. 6, Plzeň.

*Hungario:* Kokai Lajos, Kamermeyer Karoly u., Budapest IV.

*(Abonprezo por tiuj landoj: 12 Kronoj. Luksa eldono: 14 Kronoj.)*

*Polio:* Ad. Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10, Warszawa. *(Abonprezo: 7 M. Luksa eldono: 8. 75 M.)*

*Belgio:* H. Petiau, 60, Bd St-Liévin, Gand.

* * *

*Tiu ĉi numero estas senpere sendata al niaj Francaj abonantoj. Ili bonvolu nin informi pri ricevo, tiel ke ni sciu, ĉu ni povas daŭrigi la senperan sendadon.*

# Novaj perspektivoj

V

Ke por sukcese ataki kaj venki la publikan indiferentecon, ĉiu idea movado bezonas organizon, estas evidentajo, pri kiu esperebile ne plu estas necese insisti. De longe la Esperantistaro konscias tion, kaj oni rememoras, ke antaŭ kelkaj jaroj tiu problemo, en kies priparolon ofte miksiĝis personaj demandoj, elvokis viglajn diskutojn kaj fluigis multe da inko.

Por kontentige ĝin solvi, oni ne faru teoriajn konstruojn, sed unue konsideru la nunan staton de nia movado. Organizo, kiu ne estus ĝuste adaptata al la bezonoj, al la fortoj kaj al la rimedoj de la Esperantistaro, rapide kreus malordon kaj konfliktojn, eĉ se ĝi teorie ŝajnas logike konstruita. Ekzistas en la mondo kelkaj centmiloj da personoj, kiuj eklernis Esperanton, sed el ili nur kelkaj miloj restis daŭre alligitaj al nia afero, kaj eĉ inter ili malmultaj havas sufiĉe da libera tempo por ludi aktivan rolon en niaj societoj. Estas memkomprenebla, ke por kelkaj miloj da homoj oni devas havi organizon pli simplan ol por centmiloj. Tion oni en la pasinto ofte malatentis kaj faris tro vastajn planojn, kiuj ne povis esti realigataj, ĉar ili ne estis en ĝusta rilato kun la pli modesta realeco.

Niaj diversaj organizajoj estis sinsekve kreitaj de la bezonoj kaj nature disvolviĝis. Se ekzistas organiza demando, ĝi koncernas precipe la rilatojn inter la ekzistantaj grupiĝoj. Ni ĉiuj batalas por la sama celo, estas do necese, ke niaj societoj ne agu tro aparte unu de la alia, ĉiu por si, sed kontraŭe harmonie kunordigu sian agadon por la komuna bono.

La interesoj de la Esperantistoj nature dividiĝis laŭ la teritorioj. Ekzistas do organizajoj lokaj, regionaj aŭ naciaj, kaj internaciaj.

Tuj kiam ie troviĝas kelkaj Esperantistoj, ili kutimas fondi grupon por loka propagando kaj instruado de la lingvo. Laŭ graveco la grupoj multe diferencas. En kelkaj urboj ili havas inter siaj membroj ne nur Esperantistojn, sed ankaŭ amikojn de nia afero; en aliaj, ili konsistas el malgranda rondo de fervoruloj. Tie ili estas festemaj, ĉi tie laboremaj. Ie aliĝis influaj personoj, aliloke estas nur aro da diligentaj seninfluuloj. Tre neegalan forton do havas tiuj organizajoj, kaj ĝuste tial statistiko pri ili ne prezentas grandan signifon. La grupo estas natura kaj necesa organizajo. Kia ĝi estas, ĝi tamen tute ne sufiĉas por kontentigi la spiritajn bezonojn de ĉiuj Esperantistoj. Estas fakto, ke post kelktempa vizitado la kunvenoj ofte ne plu estas sufiĉe allogaj por daŭre interesi personojn, kiuj bone scias nian lingvon. La malfacileco aranĝi taŭgajn grupkunvenojn devenas ĉefe de tio, ke en la grupo partoprenas personoj tre diferencaj laŭ profesio, ideoj, socia kondiĉo, instruiteco. Tial oni ne sukcesas trovi temojn sufiĉe interesajn por ĉiuj. Se oni elektas tro altajn, la mezinstruitaj personoj ne plu kuraĝas veni; se oni elektas tro simplajn, la kleruloj forkuras. Lingvaj demandoj enuigas la festemulojn kaj tiuj ĉi siavice ĝenas la studemulojn. Por laŭeble eviti tion, estas konsilinde fondi malgrandajn, pli homogenajn rondojn de samprofesianoj aŭ sampartianoj, por kiuj oni pli facile povas trovi komuninteresajn traktajojn, sed ĉar unueco de agado estas necesa ĉe kelkaj okazoj, estas rekomendinde, ke tiuj diversaj rondoj loke federiĝu. Utila estas ankaŭ la kreo de Esperanto-hejmo, kia ekzistas en kelkaj urboj, t. e. centrejo, kie la Esperantistoj povas renkontiĝi je difinitaj horoj kaj legi librojn kaj gazetojn. Ĉiu grupo aŭ hejmo devus posedi en sia sidejo la ĉefajn verkojn de nia literaturo, kiuj estas tiom necesaj por la ellerno de la lingvo. Bedaŭrinde la „bibliotekoj" de la pli multaj grupoj estas ankoraŭ tre mizeraj aŭ eĉ tute ne ekzistas. Se multaj personoj ne restis en niaj vicoj, tio ofte devenis de la fakto, ke la gvidantoj ne sciis valorigi la ekzistantajn realajojn.

La Esperantistoj de sama lando havas komunajn interesojn, ĉar la propagando dependas de la specialaj enlandaj kondiĉoj, kaj la instruado estas kondiĉata de la nacilingva teritorio. Fondiĝis do naciaj societoj, kiuj konsistas, ĉu el grupoj, ĉu el individuoj, ĉu el ambaŭ; en grandaj landoj oni ankaŭ aranĝis regionajn ligojn. Same kiel ĉe la grupoj, la graveco de la ekzistantaj naciaj societoj estas tre diversa. Kelkaj havas regulan organizon kaj serioze laboras; aliaj ekzistas nur sur la papero aŭ laboras intermite. Ĉiu bone organizita nacia societo devus prizorgi la eldonadon de taŭgaj propagandiloj kaj lernolibroj en nacia lingvo, aranĝi ekzamenojn kaj disdoni diplomojn, posedi migrantan ekspozicion, okazigi de tempo al tempo nacian propagandan kunvenon. En la lasta artikolo ni sugestis, ke la naciaj societoj povus ankaŭ sin okupi pri diskonigo de sia lando per publikigo de gvidlibroj, monografioj, k. t. p., por kiuj ili pli facile ricevus monhelpojn ol por la propagando de Esperanto. La publikigo de regula Esperanta gazeto estas konsilinda nur se oni posedas sufiĉe da monrimedoj por fari ĝin interesa kaj alloga; se ne, estas preferinde sin limigi je la publikigo de modesta societa bulteno. La nuna plikariĝo de la vivo tre malfaciligas la ekziston de la Esperantaj gazetoj, sed la graveco de nia movado tute ne dependas de la gazeta multeco. Malmultaj interesaj revuoj estas pli utilaj ol granda nombro de seninteresaj gazetetoj. La ekonomiaj kondiĉoj nun trudas, kion ne povis fari la komuna saĝo.

Nia movado estas esence internacia laŭ sia celo kaj idealo. Internacian organizon ĝi do ankaŭ bezonas. Ĝis nun ekzistas UEA, la lingvaj kaj kongresaj institucioj kaj la fakaj societoj.

Vivkapabla internacia organizo de la Esperantistaro sur la fundamento de la lokaj kaj naciaj societoj ne estas dezirinda; ili ja estas tro malsamaj rilate organizon kaj forton, por ke ilia kunfederiĝo povu doni bonajn rezultojn. Por internacia organizo la sola firma fundamenta unuo estas la individua Esperantisto. UEA kuniĝas en unu organizajo ĉiujn samideanojn, kiuj iel havas internaciajn interesojn, kaj la sperto montris, ke tiu sistemo estas bona. Tio ne signifas, ke UEA malatentas la grupojn kaj la naciajn societojn. Ĝi publikigas informojn pri ili en sia jarlibro kaj rekonas ilin kiel reprezentantaj la lokajn kaj naciajn interesojn de la Esperantistaro. La naciaj societoj aliparte elektas reprezentantojn, kiuj regule rilatas kun UEA kaj diskutas la komunajn demandojn (ekzemple, ĝuste antaŭ la milito estis diskutata kaj solvata la demando pri unuecigo de la Esperantaj diplomoj). Tiel, UEA liveras la organizan fundamenton, super kiu la diversaj societoj povas interrilati kaj amike kunlabori, ne oferante sian memstarecon.

La organizo de la internaciaj kongresoj estis ĝis la milito la tasko de la loka komitato kaj de la internacia Konstanta Komitato de la Kongresoj, kies sekretariejo estas en Parizo, ĉe la Centra Oficejo Esperantista. La sperto montris, ke tiuj kongresoj, kien veturas nur la personoj posedantaj sufiĉajn monrimedojn, ne povas esti kvazaŭ leĝodonanta parlamento; organizo simila al tiu de la iam elpensitaj „rajtigitaj delegitoj" povus funkcii nur se la grupoj havus sufiĉe da monrimedoj por pagi la vojaĝon kaj restadon de siaj reprezentantoj, tiel ke ili povu elekti la plej kapablan, eĉ se li estas neriĉa; sed tio estas ankoraŭ pli neebla nun ol antaŭ la milito. Oni do lasu al la internaciaj kongresoj la karakteron de granda popola propaganda manifestado, kio cetere ne malhelpas laboradon. La konsisto de la KKK, kiu estis kreita antaŭ la ekzisto de UEA, devos esti ŝanĝata, tiel ke ĝi estu en pli ĝusta rilato kun la nuna internacia organizo de la movado.

Pri la Lingva Komitato kaj la Akademio ni jam montris en la komenco de tiu artikolaro, kiel ni komprenas ilian estontan taskon. Reorganizo de tiuj institucioj estas necesa. Krom tio oni provizu ilin per sufiĉaj monrimedoj, sen kiuj ili ja malfacile povus ion fari. Estus rekomendinde studi solvon, laŭ kiu parto de la kongresa kotizajo kaj de la kotizajo (pliigota!) de UEA estus

uzata por la funkciado de tiuj institucioj, kiuj ĝis nun ne havis stabilan financan fundamenton.

Flanke de UEA kaj de tiuj institucioj ekzistis multaj fakaj societoj pli-malpli firme organizitaj. Ilian agadon interrompis la milito, sed la paco espereble revivigos ilin. Dezirindaj estas pli intimaj rilatoj kun UEA, kies organaron ili povus uzi por sia administro, konservante tamen internan memstarecon.

Novajn instituciojn oni do ne bezonas krei. La ekzistantaj sufiĉas, kondiĉe ke ĉiu el ili sin aranĝu laŭ la principo de maksimuma efikeco kaj kunlaboru kun la aliaj, kiam la intereso de la movado tion postulas. La tromulteco de organizaĵoj estas ne malpli danĝera ol ilia manko. Societoj ekzistantaj nur sur la papero paralizas la individuan agadon, kredigante pri laboro, kiu en la realeco ne estas plenumata, kaj malkuraĝigas la personojn, kiuj estas pretaj serioze labori.

Cetere, ni ne forgesu, ke, kiel ajn taŭga ĝi estas en si mem, organizaĵo nur tiom valoras, kiom valoras la homoj, el kiuj ĝi konsistas. La plej bonaj organizaj aranĝoj restos neefikaj, se la Esperantistoj estas seniniciataj, molaj kaj inertaj, se ili ne konscias la necesecon de energia individua agado kaj ĉion fordonas al kelkaj „gvidantoj“. Por la grandaj taskoj, kiujn trudas al ĝi la venonta tempo, nia movado bezonas novajn fortojn, freŝajn energiojn. Kiel estas memkompreneble, kelkaj el la malnovaj pioniroj laciĝis post longa batalado kaj ne plu havas la saman agemon kiel antaŭe, precipe post la doloriĝaj batoj de la milito. Necesas do, ke eniru niajn vicojn novaj batalantoj el la juna idealema generacio, kapablaj kompreni la grandecon de nia celo kaj ofereme labori por ĝia efektiviĝo. De tio grandaparte dependas la ebleco de la estontaj sukcesoj. Sen aro da sindonemaj, energiaj kaj entuziasmaj pioniroj, Esperanto, nek iu alia socia progreso, povos trabori la granitan muron de la homa indiferenteco.

*(Fino.)* *H. Hodler.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Deka Brita Esperanta Kongreso

Ni jus travivis en Liverpool gravajn kaj interesajn tagojn. Ke la Brita Esperantistaro soifis por spirita rerenkontiĝo post tiuj teruraj jaroj de naŭziga interbuĉado, ni ĉiuj jam sciis, sed neniu eĉ sonĝis, ke tia granda estos la sukceso de la 10-a Brita Esperanta Kongreso, kiel ĝi vere estis.

Jam jaŭdon 5-an posttagmeze, ni havis la plezuron bonvenigi S-inojn Cense kaj Tiard kaj F-inon Gerard, ĉiuj el Parizo. Sed estis de vendredo posttagmeze, ke la konstanta alfluo de samideanoj komencis. Ili venis de 120 diversaj urboj, kaj ni ankaŭ havis inter ni Belgajn kaj Hispanajn reprezentantojn kaj unu Armenan. Tio donis al la kongreso veran internacian karakteron. La nombro de tiuj, kiuj sin enregistrigis en la kongreslibroj estis 394, kaj ni scias, ke por tagaj ekskursoj alvenis kelkaj, kiuj ne enskribis siajn nomojn.

Post renkontiĝo kaj manpremado vendredon vespere kaj sabaton matene la unua laboro de la kongreso estis kunveno de „Literary and Debating Society.“ Sabaton posttagmeze, la kongresanoj dividiĝis en du grupoj: unu vizitis la katedralon kaj la alia la muzeon.

La oficiala malfermo de la Kongreso tamen ne okazis ĝis sabato vespere, kiam S-ro J. G. Legge, Direktoro de Edukado en Liverpool, prezidis publikan kunvenon kaj faris paroladon tre favoran al Esperanto. Granda publiko ĉeestis, kiu enhavis multajn delegitojn, reprezentantojn de diversaj profesiaj kaj metiaj societoj en la urbo kaj ĉirkaŭaĵo. Oni alparolis la publikon pri diversaj temoj rilatantaj al Esperanto kaj la movado ĝenerale, kaj kelkaj deklamis kaj kantis Esperante por montri la belsonecon de Esperanto.

La sekvanta rezolucio estis unuanime akceptita:

„Ĉi-tiu publika kunveno de urbanoj de Liverpool enhavanta reprezentantojn de gravaj komercaj, industriaj kaj sciencaj societoj de la urbo, bonvenas kun plezuro la progreson faritan de la internacia lingvo Esperanto, kies ĝenerala adopto estas nun grava neceso, kaj instigas la registaron starigi komitaton, kiu esploros la demandon de artefarita lingvo, kiel sugestita per la raporto de la Komitato pri modernaj lingvoj.“

Dimanĉon matene, la Esperantistoj ĉeestis bele aranĝitan Diservon en Esperanto, ĉe kiu predikis S-ro Wm. Page, la redaktoro de „Esperanto Monthly“. La monkolekto, kiu estos dediĉata por la Esperantistaj blinduloj atingis la belan sumon de £ 11.

Posttagmeze la kongresanoj iris trans la riveron, kie ili komune tagmanĝis en Wallasey, kaj post la manĝo granda subĉiela kunveno okazis sur la sablo apud la maro en New Brighton, kie granda amaso da homoj aŭskultis la propagandajn paroladojn. Bela Esperanta koncerto okazis tiun vesperon en la Koncert-halo, kie deklamis S-ino Applebaum, Fraŭlineto Applebaum 9-jara Esp-istino, kaj kantis F-inoj Rosa Maude, Rosie Applebaum, S-ro Harvey kaj aliaj.

Lundon matene, okazis la kutima jara konferenco de la BEA, kie oni aŭdis la ĉiujaran raporton de S-ro Warden, prezidanto de la Asocio. Oni akceptis la sekvantan rezolucion: „La BEA en sia jarkunveno, opiniante, ke la vera vojo al la sukceso de Esperanto kuŝas en fideleco al la Fundamento de Esperanto de D-ro Zamenhof, malaprobas kaj forte kondamnas la agadon de D-ro René de Saussure, Lingva Komitatano kaj Akademiano, kiu, ne konsiliĝinte kun siaj kolegoj, eldonis novajn projektojn por la reformo de Esperanto, kiuj malakordas kun la Fundamento, kaj postulas ilian eksiĝon el la Lingva Komitato kaj el la Akademio.“ La ĉeestantoj ankaŭ protestis kontraŭ la arbitraj ŝanĝoj en la lingvo faritaj de la jurnalo „Esperanto“ sen konsento de la Lingva Akademio[1].

Interesa ekskurso okazis kiam la kongresanoj vizitis grandamase la belegan kaj grandan pasaĝer-vaporŝipon „Minedosa“, kiu apartenas al la Canadian Pacific Ocean Service Ltd. S-ro Martin, la administranto de la Ŝipkompanio en Liverpool, mem akceptis la anojn, kaj kondukis ilin tra la ŝipo. La firmo Gaumont Frères filmis la vizitantojn sur la ferdeko, kaj S-ro Martin poste gastigis la anojn al temanĝo en la salono.

Lundon vespere pli ol 600 personoj festis la kongresan balon en la grandega salono de St. George's Hall. Multaj kaj diversaj estis la fantaziaj kostumoj, kiujn portis la ĉeestantoj. La honora sekretario de la Organiza Komitato, S-ro J. D. Applebaum, en dignoplena kostumo de Maoro, estris la aferon, kaj granda parado-marŝo malkaŝis al la alrigardantoj en la galerio aron da diversaj karakteroj. Oni povis vidi la malgrandan amoron, kiu prezentis okjara Esperantistineto, Kleopatra, Hindan ĉefon, Kvakeran patrinon, Turkan Harem-virinon, Ĵazz-vestojn, Reĝan-petoliston, karakterojn de la Ŝekspira periodo kaj multajn aliajn. Nia multestimata Prezidinto D-ro John Pollen la fama surhavis sian fezon kun ĉiuj ordenoj sur sia brusto kaj ĉiama rideto sur la vizaĝo, kondukante ĉe sia mano malgrandan Indianon; ĝi estis Eriko, la sepjara filo de la hon. sekretario. Sufiĉas diri, ke la administranto de la halo asertis, ke laŭ lia opinio ĝi estis la plej imponа kaj bela balo, kiun li iam ajn vidis en tiu granda halo.

Sed ĉio ĉi-tio ne estis ankoraŭ sufiĉa. La kongresanoj faris mardon matene interesan viziton al la Liverpool'a Universitato. Tie la kanceliero, Sir Alfred Dale, alparolis ilin kaj rakontis pri la historio de tiu lernejo kaj poste montris la plej interesajn partojn de la Universitato.

[1] Ĉar alian „ŝanĝon“ ni ne faris, ni supozas, ke tio koncernas la enkondukon de la sufikso *i* por la landnomoj. Nu, la protestintoj estas malbone informitaj. Ili bonvolu legi en la Dokumentaro eldonita de la Esperantista Centra Oficejo la raporton titolitan „Pri la transskribo de la propraj nomoj“ (kajero 15ª, julio 1910, prezo: 1 frankon), kaj ili konstatos (vidu paĝojn 59—60), ke la Lingva Komitato akceptis la sufikson *i*. El la 50 respondintaj komitatanoj, nur 7 defendis la sufikson *ujo*, 40 aprobis aŭ ne malaprobis ĝian anstataŭigon per *-io* kaj 3 proponis aliajn solvojn. Akademio tiam ne ekzistis. Se Esperanta gazeto ne rajtas uzi sufikson, cetere jam tute internacian, rekomenditan de la L. K., oni bonvolu klarigi al ni la utilecon de tiu institucio! — *Red.*

Mardon posttagmeze pli ol 300 kongresanoj faris viziton al la fama fabrikejo de sapo, Lever Bros Ltd ĉe Port-Sunlight, kiu kuŝas trans la rivero. Tie la administranto kondukis ilin tra la fabrikejo, montris al ili la diversajn procedojn de la sapfabrikado, kaj poste gastigis ilin al temanĝo. Samvespere la kongresanoj, kiuj restis ankoraŭ en la urbo, ĉirkaŭ 150, kunvenis en la klubo de la Liverpool'a grupo, kie oni denove manĝis, kantis kaj laŭte laŭdis la lokan komitaton pro la bonegaj aranĝoj, kiuj estis faritaj por la sukceso de la kongreso kaj la plezuro de la vizitantoj.

Tiel forflugis la belaj tagoj de la unua postmilita kongreso de la Brita Esperantistaro.

*J. D. Applebaum,*

Honora Sekretario de la Organiza Komitato de la Deka Brita Esperantista Kongreso, *Liverpool.*

---

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

## Aŭstrio.

*Graz:* La Stiria Esp.-Societo aranĝis propagandan kunvenon; ĉeestis 250 p., antaŭ kiuj Prof. Otto Simon el Wien faris brilan paroladon. Ĉeestintaj redaktoroj de lokaj gazetoj favore raportis. Malfermiĝis paralelaj kursoj por 180 p., gvidataj de S-roj Bartel kaj Halbedel. En UEA-kunveno S-ro Krejĉi paroladis pri celo kaj organizo de UEA. — *Deutsch-Landsberg:* S-ro Hollinek komencis kurson por 6 p. — *Eggenberg:* S-ro Perneg gvidas privatan kurson por 18 p. — *Wien:* S-ro F. W. Illing publikigis en libreto „Erste Versuche" artikolon pri Esp. Akademia Unuiĝo Esp. aranĝis prezentadon pri Esp. poezio. En kajero de „Phoenix" du artikoloj de S-ro Fr. W. Illing memorigis pri la datreveno de l' morto de nia Majstro. Samloke aperis favora recenzo de S-ro Eggers pri la instrulibro de Glück kaj Sös kaj pri „Poeziajoj" de Schiller trad. de kol. Zwach. „Das neue Reich" publikigis recenzon pri broŝuro de P. Meŝtan. Unua Esp. Unuiĝo honoris per festvespero siajn anojn, kiuj restis fidelaj al la asocio dum dek aŭ pli da jaroj. Post salutvortoj de la prez. Hartwich, vicprez. Steinhauer disdonis al la 17 honorigitoj belan dankdiplomon de la Unuiĝo. La societo „Fideleco" malfermis kurson, gvidatan de S-ro kol.-leŭt. H. Schmied. La Aŭstria Katolika Ligo Esp. fondis gazetaran servon; S-ro L. A. Illing estas raportanto.

## Ĉeĥoslovakio.

*Böhm. Kamnitz:* Okazis unua kunsido postmilita, en kiu oni decidis denove aranĝi ekzercovesperojn ĉiujaŭde. — *Ĉáslav:* Komencis nova kurso kun 125 p., gvidata de S-ro Josefo Ŝilhart. Vigla Esp. vivo. — *Hodolany* apud Olomouc: La kurson aranĝitan de S-ro Horák partoprenis 56 p. Estas fondita Esp. rondeto. — *Hradec Králové:* La kurso marto—majo varbis al la movado 45 anojn. Klubo restariĝis. — *Kroměříž:* Okazis parolado de F-ino Janalíková. — *Moravany* apud Pardubice: Okazis parolado kaj al kurso aliĝis 20 p. En la stacidomo oni elpendigis Esp. hortabelon. — *Nymburk* apud Praha: Nova kurso kun 108 p., gvidata de S-ro Ŝilhart. — *Plzeň:* La eldonantaro kaj redakcio de „La Progreso" prezentis al la ministro de instruado peton pri enkonduko de Esp. en la Ĉeĥoslovakajn lernejojn. La novefondita Laborista Asocio Esp. intencas aranĝi migrantan ekspozicion Esp. en okcidenta Bohemio kaj petas interesajojn. Ĝi aranĝas kvar kursojn kun pli ol 200 p. La asocio aranĝis du ekskursojn multnombre vizititajn. — *Praha:* Okazis kunveno de la komuna komitato de Boh. Esp. Societo. Estis diskutita pri la nova centro bazanta sur tute demokrataj kaj liberemaj principoj, kiu kunigos Esp-istojn de ĉiuj sociaj klasoj. La konversacian kurson, gvidatan de S-ro Kamaryt, partoprenis 20 p. Reprezentantoj de la Komuna Komitato de Ĉeĥaj Esp-istoj vizitis la ministron por instruado, S-ron G. Habermann, kaj prezentis al li proponojn celantajn plifaciligon de enkonduko de Esp. en lernejojn. La Klubo aranĝis paroladon pri blinda muzika komponisto K. E. Macan, propagandisto de Esp. inter blinduloj. Parolis prof. Stejskal, de kiu estis prezentitaj kelkaj kantoj en Esp. traduko. La Bohema Esp. Asocio sendis al ministerio de eksterlandaj aferoj peton, ke Esp. estu alprenata kiel interkomprena lingvo por la ŝtatoj ĉirkaŭ la internacia Danubo. Prof. Pitlik kaj redaktoro Weiner paroladis en Bohem-Hebrea rondeto. Multaj ĉeestos kurson. — *Prostějov:* Kurson gvidas F-ino Havránková. — *Rakovník:* Por revivigi la klubon, S-ro Pokorný aranĝis kurson, kiun partoprenas 25 p. — *Skřivany:* Estas aranĝata kurso por 55 p. Ĝin gvidas S-ro I. Nosek. — *Vyškov:* F-ino Janalíková paroladis en geinstruista kunveno.

## Britio.

*Brighton and Hove:* Okazis vesperfesteto, aranĝita de F-ino E. Dovey. — *Glasgow:* Ĉe la loka universitato okazos la 28—29 junio la 14a Skota Kongreso. Laŭ la permeso de la universitata aŭtoritato, la Esp-istoj disponas tri ĉambrojn kaj ĉambregon, kio estas fakte oficiala rekono de la plej altranga eduka aŭtoritato kaj havas gravan signifon. Oficiala instruo estas farata en 16 Skotaj ŝtatlernejoj. — *Portsmouth:* Kapitano A. B. Colvill stariĝis novan kurson kun 22 p.

## Finnlando.

La lerneja konsilantaro, supera aŭtoritato pri publika instruado en Finnlando, donis sian opinion pri la peto enkonduki Esp. en la lernejojn. Ĝi estas preta doni sian aprobon ankaŭ al la mondlingva ideo, sed ne konsideras sin kompetenta decidi pri la supereco de Esp. aŭ Ido. La konsilantaro proponis elekton de komisiono el spertuloj kaj sciencistoj, kiu jam estas elektita kaj enhavas profesorojn E. N. Setälä, G. I. Ramstedt (Esp-isto) kaj A. Wallensköld (Idisto). — *Helsingfors:* Okazis jara kunveno de „La Polusstelo". Laŭ la raporto, la societo havis 5 kursojn kun ĉ. 150 p. Havaĵo por venonta jaro restas 2660. 75 F. Mk. Paroladis D-ro inĝ. Salonen. Okazis sukcesinta ekskurso. — *Kemi:* Kurson kun 12 p. gvidas pastro Pöysti. — *Kuusankoski:* Kurson de S-ro Ilmari Rautio en metia lernejo partoprenas 23 l.

## Germanio.

*Auerbach:* En popola altlernejo Prof. Nestler gvidas kurson. — *Adhim:* La grupo malfermis kurson kun 21 p., gvidata de S-ro Günzel el Bremen. Komenciĝos kurso por geknaboj de la rektora klaso. Okazis paroladoj. — *Berlin:* Grupo Charlottenburg de „Deutscher Frey-Bund" aranĝis kurson. La Esp.-gruparo eldonis alvokon al la Esp-istoj de l' mondo por protesti kontraŭ la pacoprojekto. — *Beuthen:* S-ro Knopf gvidas kurson kun 8 p., instruistoj kaj gimnazianoj. — *Breslau:* Novaj kursoj estas deciditaj. — *Bromberg:* Dum la sukcesa Esp. ekzameno de geknaboj el la unua klaso de diversaj popollernejoj ĉeestis urbaj ĉefoj kaj membroj de la komitato por lernejaj aferoj. Ĉiutagaj gazetoj raportis. S-ro Becker daŭrigas instrui geknabojn. Fondiĝis junulara grupo. — *Dresden:* En UEA-kunveno S-ino Hankel paroladis pri la taŭrobataloj en Barcelona. — *Essen:* S-ro Pillath faris antaŭ multnombra aŭdantaro paroladon pri „La lingvoj en nova Eŭropo". Du kursoj, ripeta kaj nova, estas gvidataj de S-roj Pillath kaj Klein. La grupo restariĝis kun 73 m. — *Greifswald:* La grupo restariĝis. — *Hamburg:* Okazis la jara kunsido de la Nordalbinga Esp. Ligo; ĉeestis 40 p. el diversaj lokoj; oni priparolis la reprenon de l' agado. — *Hammelburg:* Post parolado de S-ro Loy komenciĝis kurso. — *Hirschfelde* (Oberlausitz): Finiĝis kurso de S-ro R. Pfennigwerth. — *Münster:* S-ro stud. Müller faris memoran paroladon pri nia Majstro kaj la signifo de Esp. Nova kurso projektata. — *Nürnberg:* Fondiĝis Katolika Esp. grupo. D-ro Ledermann gvidas kurson. — *Plauen:*

S-ro Otto malfermis kursojn kun 250 l.; ili estas aprobitaj kiel sekcio de l' Saksa Esp. Instituto en Leipzig. — *Schlesiengrube*: S-ro Wieczorek, el Beuthen, instruas 12 p. — *Schweidnitz*: La grupo festis sian dekan fondiĝfeston. — *Siegburg*: Okaze de la datreveno de l' morto de D-ro Zamenhof en „Siegburger Kreisblatt" kaj „Bonner Zeitung" aperis artikoloj. La grupo konstante instruas per leteraj kursoj. — *Weinböhla*: S-ro Sohrmann gvidas kurson por laboristaj gejunuloj (20 p.) kaj por 13-jaraj knabinoj (18 p). La instruista konsilantaro decidis studi la demandon pri enkonduko de Esp. en la popolajn lernejojn.

## Hispanio.

*Barcelona*: S-roj Claramunt, Compte kaj Bolós gvidas kursojn kun 40 p. La grupo „Aplech" solene festis la datrevenon de la mortotago de nia majstro. Ĉeestis ĉirkaŭ 200 p. Paroladis S-roj Cases, Olivé, Vilardell kaj Solá. Malfermiĝis bone vizitata kurso por fraŭlinoj. Ekskursoj kaj teatra ludado vigligas la Esp. vivon, tiel ke ĉiutage la sidejo estas bone vizitata.

## Hungario.

*Budapest*: Sekcio de la popolkomisiejo (ministerio) por instruado transprenis ĉiujn Esp. kursojn kaj pagas al ĉiu instruanto 15 kronojn je horo. Estas 14 kursoj kun proksimume 300 p., kelkaj en gimnazioj, unu en la universitato, unu en la politekniko. Laŭ speciala permeso oni aranĝis en multaj mezlernejoj propagandajn paroladojn pri Esp. S-ro Lagner helpis al la sukceso. S-ro P. Balkanyi estis oficiale vokita en la koncernan sekcion de popolkomisiejo pri instruado por organizi kaj gvidi la aferojn de la Esp. kursoj. La 1 majo oni vidis la verdan standardon inter la ruĝaj de la manifestantaj laboristoj. — *Gyger* kaj *Vacz*: La kursoj estas ankaŭ oficialaj kaj la gvidantoj pagataj. En la unua pli ol 100 p., en la dua pli ol 60 p. komencis lerni. En *Györ* tuta lernejo! Tie estis bonsukcesa Esp. tago. Antaŭtagmeza festkunsido kaj posttagmezaj propagandaj paroladoj okazis en urbdomo. La gazetoj longartikole raportis. En *Debreczen* pli ol 200 p., en *Divsgyoer* 80 p. vizitas la kursojn. — *Felsoepulya*: Okazas kurso. — *Komarom*: Estas kurso en la ruĝa gvardio. — *Miskolcz*: Estas kurso. — *Szekesfehervar*: Komenciĝis movado. — *Ungvar*: Estis kursoj antaŭ la okupo. — *Vecses*: Kurso malfermiĝis.

## Italio.

La „Sud-Itala Komitato Esp." daŭrigas fervore propagandi. Advokato Bagnulo (prez.) en *Napoli*, Prof. Lacalendola en *Bari*, S-ro Cesarini en *Potenza*, S-roj Palermo, La Colla, Vitellaro en *Sicilio*, k. a. konstante laboras per kursoj, paroladoj, disdonado de cirkuleroj kaj broŝuroj, artikoloj en politikaj gazetoj, k. t. p. Oni klopodas starigi parlamentan grupon. Kelkaj komunumoj partoprenas en la movado.

## Jugoslavio.

*Zagreb*: Oni restarigis la „Kroata Esp. Societo" kaj decidis malfermi kursojn. Post dumonata fervora propagando malfermiĝis kurso, sed ĉar la multnombraj alvenintoj ne povis trovi lokon en ĉambro de la urba popollernejo, oni devis malfermi ankoraŭ du. Tri kursoj por komencantoj kun 200 p. estas gvidataj de S-ino Danica de Bedeković kaj de S-ro inĝ. Tomić, kaj unu por malnovaj anoj de S-ro Kastner. Dufoje semajne bonvizitataj kunvenoj. La ĉefkunveno de la K. E. S. estis vizitata de 150 m. (la tuta nombro de la societo transpasis 270). Post raporto de S-ino Bedeković oni elektis la jenan komitaton: Mirko Bothe, honora prez.; St. Vidak, prez.; S-ino D. Bedeković, vicprez.; P. Jesih, sekr.; N. Jerić, sekr. anstataŭanto; J. Pipinić, kas. S-ro Tomić faris du paroladojn: en la mezlernejo kaj en la tipografa societo.

## Litovio.

*Kowno*: S-ro P. v. Medem raportis pri la sukcesa Esp. movado precipe en Petersburg kaj revivigis Esp. en Kowno, helpata de S-ro Maĉernis. Okazas kurso kun 30 p.

## Nederlando.

*Amsterdam*: Estas starigita komitato por propagando de Esp. inter la membroj de „Mercurius" (Ligo de komercaj oficistoj). — *'s-Gravenhage*: La direkcio de la Haga Tramsocieto konsentis doni al la Esp-istoj inter sia personaro Esp. insignon, portotan sur la maniko de ilia uniformo. — *Vlaardingen*: S-ro A. Smit faris propagandan paroladon antaŭ membroj de la loka literatura klubo.

## Norvegio.

*Bergen*: Esp. klubo „La Espero" fondiĝis. S-ro Oscarson-Larssen paroladis. Kursoj aranĝiĝos. — *Flesland*: S-ro G. J. Oscarson-Larssen paroladis antaŭ pli ol 100 p. Multaj interesiĝis.

## Polio.

*Varsovio*: En kunveno de la Pola Esp. Societo parolis S-roj Prof. Loth kaj M. Czerwinski pri la nuna stato de Esp. kaj Esp. antaŭ la milito. En maja kunveno ĉeestis granda amaso da publiko kaj invititaj gastoj, interalie S-ro Antoni Grabowski, kiu legis novan poeziaĵon kaj la eminenta samideano Adam Zakrzewski. Prof. Loth parolis pri la movado de Esp., kaj Prof. J. Jarecki, pri la historio, disvolvo kaj lasta sukceso de Esp.

## Svedio.

*Enköping*: S-ro A. K. Örn instruas 19 p. kaj fondos grupon. — *Gävle*: Oni vigle laboras kaj publikigis alvokon por monkolekto por okazigi kursojn, kunvenojn kaj Esp. bibliotekon. — *Hammarby*: S-ro Helsing paroladis antaŭ 500 p. Okazas kurso kun 52 p. — *Herrestad*: Fondiĝis grupo „La Verda Stelo". — *Hjo*: La ĝis nun tre malfavora loka gazeto „Hjo Tidning" en artikoleto esprimis simpation por nia celado. S-ro Berg paroladis pri „Esp. kiel kulturfaktoro". Oni vendis multajn lernolibrojn kaj propagandilojn. — *Kristianstad*: Prof. Nordlund gvidas kurson plej multe vizitatan de skoltoj ĉe la liceo kun iliaj estroj. — *Malmö*: La societo festis sian 13-jaran ekziston. — *Oskarshamm*: La novaj adeptoj, simplaj laboristoj, de l' klubo estas tre lernemaj. Granda intereso por Esp. — *Sandviken*: Komenciĝis nova kurso por 35 p. — *Strängnäs*: Post paroladeto de S-ro P. Almén du kursoj komenciĝis kun 23 kaj 26 l. el la seminario kaj provlernejo. La juna grupo konsistas el 13—15-aĝaj geknaboj. — *Stockholm*: La klubo pligrandiĝas. S-ro Skog faris paroladon pri la „signifo de Esp. por la komercistaro", sekvatan de interesa diskutado. En festa kunveno parolis F-ino E. Ahlström pri la Esp. movado en Finnlando.

## Svisio.

*Bern*: S-ro Jakob parolis en la grupa kunveno pri sia vojaĝo en Bosnio-Hercegovino. — *Les Hauts Geneveys*: Okazis Neuchâtel'a kantona kunveno, kiun ĉeestis 25 p. La entuziasmo estis revigligata. — *St. Gallen*: Okazis familia festeto kun danco. — *Zürich*: S-ro Krestanov faris lumbildan paroladon pri Bulgario, post kiu okazis intima interdiskuto pri la triumfo de nia lingvo. Ĉeestis preskaŭ ĉiuj lokaj Esp-istoj kaj el ĉirkaŭaĵoj.

## Kanado.

*Ituna*: La kurso, starigita laŭ iniciato de S-ro H. Morton Raynor, faras bonajn progresojn.

## Argentino.

Grandan sukceson atingis la propaganda kaj instrua verko „El Idioma Internacional Esp.", kiu elvendiĝis (1500 ekz.) en kvar monatoj. Oni disdonis 7000 kvarpaĝajn propagandilojn. Estis elektita komisiono por la propagando en la nacia gazetaro, k. c. *Bahia Blanca*: Post propagando per afiŝoj kaj flugfolioj, „Nova Sento" malfermis kurson ĉe la publika lernejo. La kurso daŭrigas sukcese. S-ro Hector Meroni eldonas grandkvante korespondajn kursojn. — *Buenos-Aires*: La grupo „Liberiga Stelo" malfermis kurson por 30 p. Aliaj estas daŭrigataj per korespondo. La komisiono por propagando inter komercistoj disdonis okpaĝan broŝuron. S-ro Henr. Iglesias publikigis artikolojn pri Esp. en kelkaj

laboristaj gazetoj. Okazas kurso en Ateneo Racionalista de Palermo. *Córdoba:* Post disdonado de propagandaj flugfolioj fondiĝis Esp. Centro „Fratigante“. Malfermiĝis du kursoj. La du ĉefaj naciaj jurnaloj helpas la propagandon. *Los Quirquinchos:* Dank' al la klopodoj de S-ro F. Vila, lerneja direktoro, estas organizita Esp. grupo. *Talleres:* La grupo „Antaŭen“ sukcese komencis du kursojn. Ĝi organizas Esp. ekspozicion kaj petas pri kunhelpo.

## Brazilo.

*Aracajú:* La estraro de l' Esp. klubo sendis al la registaro de l' Ŝtato Sergipe la liston de l' profesoroj elektitaj por direkti la Esp. kursojn laŭleĝe malfermotajn en la lernejoj.

## Kolombio.

*Cúcuta:* Okaze de la centjara datreveno de la Kolombia sendependeco, la 7 aŭgusto, la restarigita Kolombia Esp. Societo volas aranĝi ekspozicion.

## Japanio.

*Tokio:* Okazis grandsukcesa propaganda koncerto, organizita de S-roj Vaughan, el Celebes, kaj Macuba; ĉeestis pli ol 2000 p. Estis disdonata granda nombro da propagandiloj. Fondiĝis „Literatura Rondo“. En la domo de S-ro Saito, kie nun troviĝas la oficejo de Tokia Esp. Societo, okazas 3 kursoj. *Yokohama:* S-ro fabrikinspektoro Fuĝisaua propagandis dum sia libertempo; en Tokio li ankaŭ gvidas kurson. Ĉiusemajne okazas kursoj en Yokohama, kiujn gvidas S-roj Sazaki kaj Ozeki. Unu el la lernantoj parolas jam flue post kvinmonata instruo. La progresoj montras, ke Esp. estas la plej facila lingvo, eĉ por Azianoj.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj komerco.** En *Argentino* fondiĝis komitato por la propagando de Esperanto en la komerco (Florida 150, Buenos Aires), kiu publikiĝis en Hispana lingvo trafan broŝuron pri Esp. kaj komerco, dissendatan al ĉiuj Argentinaj komercaj firmoj. Plie ĝi aranĝis ĉe la komercistaro enketon pri komuna komerca lingvo kaj Esperanto.

∴ **Esperanto kaj naciaj interesoj.** Sub la titolo „Por la rajto de German-Aŭstrujo“ jus aperis dudekpaĝa Esp. broŝuro, kiu konigas la vidpunkton de Germana Aŭstrio rilate al la nunaj politikaj okazantaĵoj. La broŝuro enhavas detalajn statistikajn kaj geografiajn informojn pri la teritorioj loĝataj de Germanoj. Ĝi estos senpage sendata al ĉiu eksterlanda Esp-isto postulanta ĝin de „Propagandastelle fur Deutschosterreichs Recht, I. Herrengasse 7, Wien.

La Berlina Esperanto-grupparo publikigis en nia lingvo proteston kontraŭ la pacotraktato.

∴ **Esperanto kaj edziĝoj.** Aperis en la „Eastbourne Gazette“ (Anglio) longa artikolo, kun du fotografaĵoj, Esperante titolita: „Romano Esperantista“. Ĝi pritraktas la edziĝon de nia Delegito en Eastbourne, S-ro John P. Nix, kun nia samideanino F-ino G. Herickx, el Antverpeno. La geedzoj konatiĝis dum Belga regiona Esp. Kongreso. Dum la milito ilia korespondado tra Svisio estis malebligita pro la cenzura neakcepto de Esp. S-ro Nix, kiu ne konas la Francan lingvon, tradukigis Francen per Franca samideano siajn Esperante skribitajn leterojn, kaj rekopiis ilin poste, tiel ke malgraŭ la malhelpoj la gefianĉoj povis interrilati. La edziĝo okazis en Antverpeno tuj post la militĉeso, kaj pro manko de tieaj Anglaj oficialaj reprezentantoj, dua edziĝoceremonio devis okazi poste en Anglio. La nova paro parolas nur Esperanton, pruvo ke nia lingvo estas taŭga ankaŭ por plej dolĉaj dialogoj.

---

# TRA LA LIBRARO

**Germanaj Popolkantoj**, tradukis *L. L. Zamenhof, V. N. Devjatnin, L. Elb, L. E. Meier, Ferd. Pfeil, O. Sellin.* 2a eldono. 15-spesdeka Biblioteko Esperanta N-ro 7a. Eldonejo: Ella Rothermel, Friedrichswerth (Thür.), Germanio. 16 paĝoj. 11 × 15 cm. Prezo: M. —.30, afrankite M. —.35.

Tiu broŝuro enhavas la tradukon de dek-tri kantoj konataj de ĉiuj Germanlingvanoj. Tiuj tekstoj, kies ritmo kompreneble imitas tiun de l' originalo, estos certe ŝatataj de ili por plibeligi kunvenon aŭ ekskurson per kunkantado. Se la malvastaj kondiĉoj trudataj por tiaj tradukoj ne ĉiam permesas vere poezian senton, la nun priparolataj respondas kiel eble plej bone la celon. Nur nekompreneble estas, kial, en dua eldono, oni ne korektis nepardoneblan eraron: uzon de „ŝajni“ anstataŭ „lumi“ en la verso „Ĝoju la vivon, dum ŝajnas sun' al ni!“ — *G. S.*

**Unuaj Esperantaj Satiroj.** *V. N. Devjatnin.* 15-spesdeka Biblioteko Esperanta N-ro 9a. (Eldonejo, paĝoj, amplekso kaj prezo samaj kiel por la ĉi-supra numero).

Se vi trovas plezuron en humoro, sprito, ŝerco aŭ vortludoj, tiam legu la dekduon da versaj kaj prozaj pecetoj verkitaj de unu el la pioniroj de Esperanto. De la „antaŭlaŭdo“, kiel nomas ĝin la aŭtoro, ĝis la priskribo de l' tipa Esperantista verkisto, gramatikisto aŭ korespondanto, vi ofte ridos. Se male vi tuj satiĝas je tia literaturaĵo kaj iras al pli serioza, tio ja ankaŭ estos sat-iro el la satiroj.

Pri la lingvo de l' verketo, ĝi estas ĉiel laŭdinda. Mi persone ne uzus artikolon en esprimo kiel „la Esperantujo“. (Ĉu eble tiun ekzemplon sekvas en sia bulteno niaj Svisaj samideanoj, kiuj ofte kaj malplaĉe skribas pri „*la* Svisa Esperanta Societo“ aŭ pri „*la* Svisa Espero“?) — *G. S.*

**Esperanta Afiksaro kun oficiala radikaro.** Aplikado de sufiksoj kaj prefiksoj en Esperanta vortfarado. *V. N. Devjatnin,* L. K. Eldonejo: Ella Rothermel, Friedrichswerth (Thür.), Germanio. 80 paĝoj. 11 × 15 cm. Prezo: M. 1.30, afrankite M. 1.40.

Ne mankas Esperantaj lernolibroj ĉiuspecaj, ĉiu havanta ĝenerale sian apartan karakteron kaj valoron. Nia konata aŭtoro, per longa sperto, konvinkiĝis pri la granda graveco de la vortformado, kiel ĉefa bazo de nia lingvo, kaj kiel plej necesa rimedo por ĝin lerte uzi. Prave diras la aŭtoro: „Ĉiuj komencantoj tute nature pensas, ke tiu malgranda kvanto da vortoj, kiuj troviĝas en la Universala Vortaro, ne sufiĉas por nia moderna bezono. Tute vere, kaj ni absolute ne povus eĉ uzi praktike nian lingvon, se la genio de nia Majstro ne kreus sian admirindan sistemon de afiksoj. Sed feliĉe ni posedas 34 etajn partikulojn, dank' al kiuj ni povas el tiu malgranda nombro da radikoj formi multajn milojn da vortoj kun plej diversaj signifoj, esprimantaj plej delikatajn nuancojn, ofte tute neesprimeblajn en plej riĉa nacia lingvo. Jen en kio sin kaŝas la sekreto de eksterordinara facileco, riĉeco kaj flekseblеco de Esperanto! Tiu ĉi mirinda sistemo de afiksoj, kiel la ovo de Kolumbo kaj multaj aliaj geniaĵoj, estas ekstreme simpla, kaj nome pro sia simpleco ĝi estas tiel facile ellernebla kaj aplikebla. Tamen ni devas severe logike kaj sen naciigo uzi tiun potencan rimedon, por tute klare kaj internacie kompreneble esprimi niajn pensojn.“

Pri ĉiu prefikso aŭ sufikso estas donata detala klarigo kun multaj ekzemploj, distingo inter proksimaj sencoj, praktikaj aplikaj ekzercoj. Ĉiam la teorio estas pruvita per la ĝenerala ĝisnuna uzo aŭ per la instruoj de D-ro Zamenhof. La dua parto estas oficiala vortaro (fundamenta vortaro kaj oficiala aldono), en kiu ĉiu radiko estas montrata kiel substantiva, adjektiva aŭ verba, laŭ la nun ĉies akceptata principo de l' specifeco de l' Esperantaj radikoj. Tiu parto ne estos malpli utila en la praktiko ol la unua en la instruado, kaj la tuta verko certe fariĝos unu el la plej ŝatataj helpiloj por la perfektiĝemaj samideanoj. Nenecese estas aldoni, ke se gramatikistoj eble povus diskuti pri unu aŭ alia detalo, la tuta libro estas fundamenta, tiel pro la preciza korekta stilo de l' klarigoj kaj ekzercoj, kiel laŭ la instruajoj mem. — *G. S.*

**Esperanto.** Dana legolibro por komencantoj, de *P. Zoffmann*. Eldonis: Chr. Hansen, Kolding (Danio). 20 ⨯ 13 cm. 62 p. Prezo 1.50 Kr.

Serio de gradigitaj ekzercoj kaj legaĵoj por komencantoj. En la fino troviĝas fabelo de Andersen (la malbela anasido), gramatiketo en Dana lingvo kaj listo de la uzitaj vortoj. La libro estas bone presita kaj tute korekta el lingva vidpunkto. Sur p. 1, ni rimarkis neĝustan uzon de *en*: patrino staras *en* la pordo, anstataŭ *ĉe*. — *A. R.*

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k. a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizaĵoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto). — La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank Bern (Banque Commerciale). — Poŝta Ĉeko UEA: III 2600.*

**Al niaj membroj.** — Ni insiste petas ĉiujn personojn, kiuj ne ankoraŭ pagis la kotizaĵon por 1919, ke ili bonvolu tion fari kiel eble plej rapide. Ĝis nun nur du mil membroj pagis. Tio estas tute nesufiĉa nombro. Ni ne dubas, ke ekzistas en la mondo pli ol du mil Esperantistoj kapablaj kompreni la utilecon de internacia organizaĵo, kia estas UEA, kaj subteni ĝian agadon per sia aliĝo. Ili montriĝu! La publiko juĝas la fortecon de la Esperanto-movado laŭ la nombro de la membroj de UEA.

**Adresaro de la Delegitoj.** — Ĝi estos preta je la komenco de tiu ĉi monato kaj estos sendata al ĉiuj membroj pagintaj la kotizaĵon por 1919. Tiun eldonaĵon, kiu enhavas ne sole la zorge kontrolitajn adresojn de la Delegitoj, sed ankaŭ la nomaron de la Esperantistaj grupoj kaj informojn pri ili, devas posedi ĉiu Esperantisto. Ĝi estas necesega al ĉiu, kiu volas internacie uzi nian lingvon.

**Pri pagoj.** — Lastatempe la Berna Kantona Banko ricevis diversajn monsumetojn ne destinatajn al la Garantia Kapitalo; oni sendis al ni bankĉekojn kun privataj nomoj, ekz. kun tiu de la prezidanto de UEA, kaj transigis al „Esperanto" pagilojn de la estinta Ĉekbanko, kiujn pro bonaj kaŭzoj ni ne akceptas. Al la bankoj kiel al ni, tiaj fuŝaĵoj kaŭzas senutilan laboron!

Tial ni petas atenti: ke ĉiuj pagoj al UEA kaj „Esperanto" devas esti adresataj nepersone al nia poŝtĉeka konto, kaj la ĉekoj al la Handelsbank Bern (Banque Commerciale), konto: Esperanto;

ke la Berna Kantona Banko administras nur la Garantian Kapitalon. Enpagoj: Fr. 125. — aŭ la oblo de tiu sumo;

ke ni devas malakcepti la kalkuladon laŭ spesmiloj, la spesmilajn ĉekojn, poŝtmarkojn, kaj similajn paperojn, kiujn ni ne povas valorigi.

**Garantia Kapitalo.**

| *Listo de garantiantoj* (Dua parto) | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 3500 |
| 29. S-ro Antonio Aleman Ruiz, Habana (Kubo) . . . . | 125 |
| Frankoj | 3625 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (Svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), (Nationalbank-konto 1020). Ĉar tiu banko administras nur nian Garantian Kapitalon, ni petas ne uzi tiun konton por aliaj pagoj.

**Kotizaĵoj por 1919.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj 2057 kotizaĵoj (el kiuj 151 subtenantoj). Krom tio estas 179 dumvivaj membroj. Sume: 2236. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 38.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato majo:

Ricevitaj: 769. — Forsenditaj: 1081. — Tuta sumo: 1850. (Antaŭa monato: 1492.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Barranquitas* (Usono, Puerto Rico). — D.: F-ino Pepita Rojas, instruistino, 3, Apartado.

*Beuthen o. S.* (Germanio, Schlesien). — D.: S-ro Klemens Wieczorek, fervoja oficisto, Virchowstr. 14.

*Eindhoven* (Nederlando, Noord-Brabant). — D.: S-ro J. C. van Beek, fervojisto, Wachtpost 52.

*Flensburg* (Germanio, Schleswig-Holstein). — D.: F-ino Elise Jacobs, Mathildenstrasse 9.

*Heinola* (Finnlando). — D.: F-ino Hilma Korhonen, poŝtoficistino, Postikonttora.

*Hlinsko p. Host* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Josef Krumphole, lernejestro, spravce školy.

*Jerez de la Frontera* (Hispanio, Cadiz). — D.: S-ro Pedro Naranjo-Teran, vinlaboristo, 31, Calle Sevilla.

*Kinna* (Svedio, Västergötland). — D.: S-ro Sigfrid Bengtsson, oficisto ĉe teksaĵfabriko, Kinnaström.

*Kuusankoski* (Finnlando). — D.: S-ro Ilmari Rautio, instruisto.

*Ruzomberok* (Slovakio). — D.: S-ro Slav. Beniček, bankoficisto, Slovenská banka.

*Siegburg* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Kurt Haefeker, studento, Frankfurterstrasse 43.

*Wallsend on Tyne* (Anglio, Northumberland). — D.: S-ro J. H. Murray, ferajisto, 13, Beech Grove.

*Zywiec* (Polio, Galicio). — D.: S-ro Stanislaw Peksa, notaria kandidato, Ŝanĝoj.

*Birmingham* (Anglio, Warwick). — D.: S-ro Cecil C. Goldsmith, 92, Douglas Rd, Acocks Green.

*Genève* (Svisio). — D.: S-ro J. Pianner, teknikisto, ĝis junio pere de la VD. — VD.: S-ro Z. Rohla, negocisto, 17, rue de l'Ecole.

*Göteborg* (Svedio). — D.: S-ro Artur Ulving, redaktoro, Nordhemsgatan 66.

*Loanda* (Angola, Okcidenta Afriko). — D.: S-ro V. Feliberto de Almeida, konservisto de ĥemia kaj terkultura laboratorio, P. O. B. 213. — VD.: S-ro Manuel Lopes da Cunha, razisto, P. O. B. 123.

*Manchester* (Usono, New Hampshire). — D.: F-ino Daisy E. Flanders, instruistino, 714, Beech St. — VD.: S-ro William H. Huse, instruisto, 97, Mammoth Rd.

*Napoli* (Italio). — D.: S-ro Celestino Cacace, asekuristo, Crociferi ai Miracoli 14.

*St. Gallen* (Svisio). — VD.: S-ro Julius Hefti, Heiligkreuzstr. 59.

*Tarragona* (Hispanio). — VD.: S-ro Domingo Obiol, Union 9–3.

*Valencia* (Hispanio). — D.: S-ro Andres Piño, advokato, 24, calle de Colon.

Provizore ne plu estas Delegito en *Portland* (Usono, Maine).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO*: Unu enpreso: Fr. —.50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. — Dek-du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ*: L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

**Aarhus** (Danio). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Del. de UEA, Trøjborgvej 32, PM (kun ĉiuj landoj).

**Abo** (Finnlando). — S-ro Ilmari Hytönen, 59, Slottsgatan, PM.

**Aire sur la Lys** (Francio, Pas-de-Calais). — S-ro Ch. Antricque, 4, rue d'Alsace Lorraine, PI, L.

**Arad** (Hungario). — S-ro Tivadar Bela, Hauptpost, PI, L (pri seriozaj aferoj).

**Astley Bridge Bolton** (Anglio). — S-ro J. Birtwistle, fervojisto, 20, Primrose street, PI, L (precipe kun fervojistoj ĉiulandaj aŭ aliaj entuziasmuloj).

**Aston-Birmingham** (Anglio). — S-ro Harry Hawker, 63, Bevington Road, PK, L (kun muzikistoj, meĥanikistoj kaj maristoj).

**Bassein** (Burma, Azio). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

**Bethel bei Bielefeld** (Germanio). — S-ro Walter Goltermann, Saronweg 30, L (kun radikalaj socialistoj ĉiulandaj, dez. ricevi Rusajn gazetojn „sovjetajn").

**Brno** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Ŝembera, instruisto de desegno, „Vesna", L (pri artista edukado), PI (artistaj kostumoj).

**Bruxelles** (Belgio). — S-ro J. Neybergh, 151, Ave. de Jette, PI, L.

**Česká Lipa** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro J. Adamek, Čeĥoslovenský pési pluk čís 18, PI, bfl.

**Eindhaven** (Nederlando). — S-ro J. J. v. d. Schaaf, Emmasingel 6 a, PI, PM (kun eksterlando).

**Enschede** (Nederlando). — S-ro G. P. de Bruin, Alleeweg 9 (kun ĉiulandaj revoluciemuloj).

**Enschede** (Nederlando). — S-ro J. G. Verveld, Lipperkerkstraat 203, dudekjara, PI, L (speciale kun F-inoj pri seriozaj vivaferoj).

**Gävle** (Svedio). — S-ro Oskar Kilstra, Ruddamsgatan 61, PI, L.

**Gävle** (Svedio). — S-ro Carl Claessen, Kasarngatan 73, PI, L.

**'s-Gravenhage** (Nederlando). — Laborista Esp-ista Klubo, adreso: S-ro C. de Klerk, Mackaystraat 32, PI, L.

**Helsingfors** (Finnlando). — S-ro H. Gustavson, Elisabetkatu 16, PM.

**Helsingfors — Helsinki** (Finnlando). — S-ro A. Lappalainen, instruisto, 13 C, Merikatu, PI (kun ĉiuj landoj).

**Helsinki** (Finnlando). — F-ino Hilma Ruotsalainen, Suomiyhtiö, PI, L.

**Helsinki** (Finnlando). — F-ino Enny Soininvaara, Suomiyhtiö, PI, L.

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro G. van Heek, Steynstraat 72, PI, L (pri plej diversaj aferoj precipe kun spertaj Esp-istinoj).

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro J. Haak, C. F. Storkstraat 19, Tuindorp, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro J. G. Mantel, Deldenerstraat, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Karel Jelinek, Ŝafaříkova 511, PM (kun ĉiuj landoj krom Svedio, Danio, Norvegio, Finnlando, Hispanio, Francio, Anglio).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jaroslav Tausik, Velke nám. 27, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frantisek Otava, instruisto, Ŝafaříkova 397, PI (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frantisek Matějiček, instruisto, Velke nám. 136, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Bohuslav Hönig, Tomkova 142, PI, bfl, PM (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro O. Sklenĉka, Del. de UEA, Živnostenska banka, L, PI, PM (prefere kun spertaj Esp-istoj pri la movado, kluba vivo, propagandaj manieroj, kursaj metodoj, k. t. p. Kolektas Esp. propagandilojn, specimenojn de Esp. gazetoj. Intencas aboni kelkajn por si kaj por la klubo).

**Humppila-Murto** (Finnlando). — S-ro Elias Syrjänen, L, PM.

**Jiĉin** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Fr. Pilný, oficisto, Husova 187, PI, L.

**Jiĉin** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro A. Ŝikl, studento, Husova 324, PI, L.

**Kavantsaari** (Finnlando). — S-ro Toivo Venäläinen, PM.

**Kempten i. Allgäu** (Germanio). — S-ro Max Schrank, R 220, L, PI, PM.

**Kuopio** (Finnlando). — S-ro Omistaja A. Ahonoja, Merkkiyhtymä, PM.

**Las Palmas** (Hispanio, Kanariaj Insuloj). — S-ro Antonio Martin Perez, Gobierno Militar (aĉetas kaj interŝanĝas PM).

**Las Palmas** (Hispanio, Kanariaj Insuloj). — S-ro Juan N. Quevedo, 15, Plaza Leon y Castillo, PM (kun ĉiuj landoj).

**London** (Anglio). — Policano W. Alcorn, Del. de UEA, 47, Courtenay St., London SE 11, L, PI (pri policunuiĝaj aferoj, kun ĉiuj policanoj).

**Lübben** (Germanio, N. L.). — Gesellschaft für Schrift u. Sprache, Lindenstr. 10 (interŝanĝas legaĵon kaj gazetojn en ĉiuj lingvoj kun ĉiulandaj samideanoj studantaj la Germanan aŭ interesiĝantaj pri Germanaj okazintaĵoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM (deziras ankaŭ PM de la milito sur kovertoj kaj poŝtkartoj).

**Mikkeli** (Finnlando). — S-ro Arvi Tienheimo, PM.

**Mustamäki** (Finnlando). — S-ro Viktor Kantanen, PM.

**Newcastle-upon-Tyne** (Anglio). — S-ro Wallace Mackay, biblioteka oficisto, 25, Breamish St. L (kun bibliotekoficistoj) PI (kun ĉiuj landoj).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, Fordham, nur L (kun radikalaj social-demokratoj ĉie pri efektivigo de la „internacio" kaj kontraŭ religio).

**Nürnberg** (Germanio). — S-ro R. Eisner, Bucherstr. 83, II., L (kun socialistoj pri socialismo kaj Esp. ĉe la socialistoj).

**Nunnanlahti** (Finnlando). — S-ro V. Puumalainen, Larinsaari, PM.

**Opava** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl (kun ĉiuj landoj; peras komercajn rilatojn).

**Oulu** (Finnlando). — S-ro A. Pürala, Asemak 39, PI, L (prefere kun Anglolingvanoj).

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont", L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio).

**Plzeň** (Ĉeĥoslovakio). — Administracio de „Progreso", Podebradova tř., 25-jara Ĉeĥo invitas al interŝanĝo de leteroj 18—24-j. fraŭlinojn, kiuj deziras korespondi.

**Plzeň** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Innocenc Gross, Houŝkova 32, I., PI, L, PM, glumarkoj, poŝtkartoj kun naciaj tipoj, Esp. gazetoj kaj div. Esperantaĵoj.

**Portland** (Usono, Oregon). — S-ro H. G. Glass, 867, Bowdoin, PI, L (precipe kun Sud-Afriko, Ĉinio, Francio kaj Siberio).

**Praha** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frant. Novak, horloĝisto, I. Malé nám. 10, PI, L (kun horloĝistoj de ĉiuj landoj).

**Praha II** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Olda Neumann, Klimentska ul. 42, III., L.

**Praha VII** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Benjamin Verner, Letecký arsenál, Vyŝtaviŝtě. PI (kun ĉiuj landoj).

**Rabat** (Maroko). — S-ro Jean Sazy, libristo, L, pri sociaj kaj religiaj nun praktike realigeblaj metodoj por plibonigo de la nuna mondo (komunismo, terkulturaj kolonioj, interŝanĝo de infanoj, religiaj sektoj kaj grupoj). Sin speciale interesas pri la ideoj de Tolstoj.

**Raumo** (Finnlando). — S-ro M. Nordlund, PM.

**Represa** (Usono, California). — S-ro Narren K. Billings, socialisto-laboristo (malliberigita), Folson Prison, PK (ne povos respondi al ĉiuj).

**San Quentin** (Usono, California). — S-ro Tom Mooney, socialisto-laboristo (malliberigita), San Quentin Prison, PK (ne povos respondi al ĉiuj).

**Soennevad** (Svedio). — S-ro Linus Andrén, instruisto, PI (precipe kun Ĉinaj kaj Japanaj samideanoj).

**Terijoki** (Finnlando). — S-ro Farmo Sutinen, PI, L.

**Trondhjem** (Norvegio). — S-ro Ragno Rian, Övre Mollenberg 70, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Turku** (Finnlando). — S-ro Relma Hytönen Pälvölä, PM.

**Verviers** (Belgio). — S-ro J. Pirnay-Demez, 28--30, rue Biolley (dez. korespondantojn por siaj lernantoj).

**Viipuri** (Finnlando). — S-ro John Tschedajeff, Kalevak. 4 as. 2, PI, L (kun ĉiulandaj samideanoj).

**Wallsend-on-Tyne** (Anglio). — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove L, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Wien** (Aŭstrio). — Esperantista Societo „Danubio", Interŝanĝa Sekcio, Schulhof 2, III., L, PI, bfl, PM.

**Wien** (Aŭstrio). — S-ro R. A. Ĉech, D'Orsaygasse 7/23, IX, PI, bfl, PM.

**Żumberk 85 u Chrudimi.** — S-ro Jar. Zajiček, PI (precipe urbvidindajoj, naciaj tipoj, kostumoj kun ĉiulandaj samideanoj).

**Zürich** (Svisio). — S-ro Otto Mötteli, Bachtobelstr. 23, PI, bfl (kun eksterlandanoj), L (pri astrologio kaj okultismo kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.

**Adresaro.** — Sendu tuj viajn adreson aŭ anoncon por „Adresaro de Esperantistoj" eldonota de „Bohema Esperanto-Servo", Moravany (Bohemio).

**Barbiroj.** — Mi deziras interŝanĝi pensojn kun vi pri interesaj metiaj temoj. A. Pürala, barbiro, Oulu, Finnlando. Esp-istoj konigu tiun anonceton al Esp. barbiroj.

**Eduko.** — Por eduka celo mi bezonas po unu aŭ du ekzempleroj de ilustritaj ĵurnaloj por infanoj, precipe kun koloraj bildoj, kaj tre dankas al samideanoj, kiuj sendas al mi tian. Mi sendos kiel egaligon PI aŭ alian aĵon deziritan. Ernest S. Hediger, Bürgerhaus, Bern (Svisio).

**Egipta komerco.** — Kiu povas informi min, ĉu en Egiptio oni povas vendi Svisan ĉokoladon, biskvitojn kaj bombonojn? Charley Weilbacher, Lugano (Svisio).

**Esperantaĵojn ĉiuspecajn el ĉiuj landoj** (gazetoj, libroj, gvidlibroj, filmoj, poŝtkartoj, flugfolioj, reklamoj, prezaroj, k. t. p.) por legsalono, biblioteko kaj ekspozicio, deziras ricevi: S-ro C. Gilà, Del. de UEA, en Locarno (Tiĉino, Svisio).

**Esperantistoj aliilandaj!** — Se vi serĉas komercrilatojn pri kotonaj aŭ lanaj ŝtofoj, bonvolu vin turni al la sekvanta konata adreso. Mi estas ĉiam preta informi Esp-istojn pri adresoj de bonaj Holandaj fabrikejoj de ĉiuspecaj artikloj. Antoon Winters, ŝtofkomercisto, Importo kaj Eksporto, Veghel (Nederlando).

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50—100 aŭ pli malsamajn PM de sia lando, mi sendos saman kvanton aŭ valoron de Argentino kaj Sud-Ameriko. — Katalogo Yvert-Tellier. — Sin turni al P. Gómez, 3924, Córdoba, Buenos-Aires.

**Filatelistoj!** — Mi estas en rilato kun tre granda firmo, kiu konsentas liveri pogrande Polajn poŝtmarkojn kaj albumojn. Tre belaj kaj valoraj kolektoj. Kolekto po 5, 8 kaj 10 Fr., albumo 8 Fr., k. t. p. La valoro de tiuj poŝtmarkoj ĉiutage kreskas. Antaŭpago dezirata. Oni povas rilati per la C. O. de UEA. S-ro A. Oberrotman, Del. de UEA, Krak. Przedmiescie 10, Warszawa (Polio).

**Internacia Banko de Diskonto kaj Informservo** fondota serĉas en ĉiuj urboj kaj landoj seriozajn kapitalistojn. N. F. Nicolaew, Case 689, Bourg de Four, Genève (Svisio).

**Kolektantoj.** — Mi kolektas la jenajn aferojn kaj dankas por proponoj: 1e bildojn de floroj kaj branĉoj; 2e bildojn de brodaĵoj; 3e gravajn artikolojn pri la Esp. movado; 4e komercleterojn. S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (brodita[j] sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Korespondado.** — Rudolf Novy, Del. de UEA en Kladno (Bohemio), salutas S-inon J. Jaegmont en Lyon kaj ĉiujn siajn korespondantojn; li denove interŝanĝas PI, L, PM kun ĉiuj landoj.

**Korespondado.** — Mi petas ĉiujn samideanojn, prefere eksterEŭropajn, sendi al mi kiel presaĵon PI pri iu preĝejo, sinagogo, moskeo, pagodo. Danke mi tuj post ricevo sendos belan vidaĵon de mia urbo. Svitberto Degenkamp, Bethlehemweg 36, Utrecht (Nederlando).

**Krestomatio.** — Fundamentan krestomation deziras akiri Svisa samideano. Proponojn al S-ro R. Bolliger, Del. de UEA, Bern, Maulbeerstr. 17.

**Librovendejo „Plebejo"** vendas ĉiujn Esp. librojn kaj gazetojn ankau librojn, broŝurojn kaj gazetojn pri socialismo en Esperanto aŭ aliaj lingvoj. Chinese P. O. Box 117, Shanghai (Ĉinio).

**Maŝina kaj elektra inĝeniero** deziras interŝanĝi kun eksterlandanoj teknikajn tradukojn diversajn. G. Mansfeld, Wilhelmstr. 4, Merseburg, Saale (Germanio).

**Militkaptito.** — Kiu povus doni informojn pri Ernst Heinrich el Essen? Li havis jenajn adresojn: 1e ĉe Martin Zeĥ, Nadejdinskij zavod Permsk. gub., Barako 2632, fabrika N-ro 3687; 2e Hospitalo 31 Niŝnij Novgorod. La lastan informon oni ricevis el Ŝadrinsk (Gub. Perm). Utilajn informojn al la C. O. de UEA, Museumsstr. 14, Bern. Elspezoj repagotaj.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Por poŝtmarkoj de via lando mi sendos la saman kvanton de PM, provizora eldono de Ĉeĥoslovakio. Oni sendu per rekomendita letero. Rudolf Novy, Del. de UEA, Kladno 315 (Ĉeĥoslovakio).

**Poŝtmarkoj Polaj-Aŭstriaj** kun surpreso „Poczta Polska", la Krakova eldono k. a. estas riceveblaj ĉe S. Grenkamp-Kornfeld, Jaslo (Galicio, Polio). Pro la necertaj poŝtrilatoj mi povas konservi la menditajn.

**Propagando.** — Finnaj Esp-istoj bezonas por propaganda celo ĉiajn presaĵojn, kiuj koncernas Esperanton en komerco kaj turismo. Ĉiuj samideanoj bonvolu helpi. Rekompence ni sendas la „Kongresan Libron" de la Finnlanda Esperantista Kongreso 1919. Adresu ĉion al Esperanto-Oficejo, Helsinki, Uudenmankatu 10 (Finnlando).

**Skoltoj.** — Ni alvokas al ĉiuj skoltoj aliĝi al la Skolta Esperantista Ligo. Petu nian broŝuron „**Propono pri Skolta Esperantista Ligo**" de *Avoto*, prezo 4 pencoj afrankite. Havebla ĉe la provizora sekretario de S. E. L., 40, Oaklands Road, Bexleyheat, Kent (Anglio).

**Ŝufabriko.** — S-ro J. Kos, Jafiadwstr. 19, Rotterdam (Nederlando), havanta rilatojn en la ŝuvendado, serĉas reprezentadon de bona fabriko.

Al ĉiuj miaj parencoj, amikoj kaj konatoj mi alportas la malĝojan informon, ke mia amkora fidela patrino

**S-ino Raĥel Lea Zalcman**

subite sed post longedaŭraj suferoj mortis en la aĝo de 63 jaroj la 11 aprilo (11. Nissan) en malsanulejo en Frankfurt a. M.

*Aschaffenburg* (Bavario), 28 majo 1919.

En la nomo de la funebrantaj postlasintoj:
**Mauricio Zalzman.**



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO